V^e JARO — N° 48

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

5 FEBRUARO 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO

Unu jaro ₷ 1,60 (4 frankoj). Oni abonas ĉe la lokaj agentoj, Esperanto-Oficejoj aŭ ĉe la administrejo.

Redaktejo & Administrejo :
8, rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)



## AL NIA LEGANTARO

*Sendube kun plezuro nia legantaro konstatos, ke sen elokventa kaj promesplena antaŭinformo, nia gazeto faris novan paŝon antaŭen : ĝi aperas de nun en pligrandigita formato, kiel ĉiutaga gazeto, kaj kun enhavo, kiu, ni esperas, plaĉos kaj samatempe utilos al nia legantaro.*

*La ĉefa originaleco de la nuna aranĝo kuŝas ne tiom en la rimarkindeco de la informoj liveritaj — tion ni ne kuraĝas tuj de nun esperi — sed en la fakto, ke ĉiuj estas ricevitaj per Esperanto kaj U. E. A.*

*Ni esperas, ke ĉiuj legantoj ŝatos ESPERANTO en ĝia nova formo kaj pli fervore ol iam diskonigos ĝin ĉie kaj ĉiam, tiel ke baldaŭ, sen antaŭa averto, ĝi povu efektivigi novan progreson kaj per unu nova paŝo pliproksimiĝi al la idealo, kiun ĝi difinis al si.*

*ESPERANTO*

## INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Tiu grava institucio, pri kiu la Dresdena kongreso voĉdonis favoran deziresprimon, estas nun definitive starigita. Ni do petis de lia iniciatinto, ke li bonvolu konigi al nia legantaro ĝian celon kaj organizon. Ni rememorigas, ke la dirita instituto havos ESPERANTO kiel oficialan organon kaj fariĝis Esperantia entrepreno.

Tre longe ni havis nur propagandajn esperanto-societojn, kaj tiam nia movado estis ideala, socia, lingva *proprono* al la mondo. De kelkaj jaroj la fondo de fakaj Asocioj kaj la kreo de U. E. A. ŝanĝis nian movadon laŭ tiu ĉi senco, ke ĝi parte fariĝis *realaĵo*, ke ni mem kaj la ceteraj personoj ekkonsideris nian lingvon kiel praktikan fakton, funkciantan ilon.

La esperantistoj ne plu estas ĉiuj necese homoj idealistaj, kiuj disvastigas lingvon internacian, sed, pli proksime al la difino de D^ro Zamenhof en la Boulogne-a Deklaracio, homoj praktikaj, *kiuj uzas Esperanton por ia ajn celo* kaj profitas ĝiajn servojn. Se tio estas malpli poezia, ĝi tamen estas ĝojiga, ĉar ĝi estas la komenco de la tiom esperita venko kaj de la vera vivado de nia lingvo.

Pro tio okazas nun ĉiam pli ofte, ke personoj deziras lerni Esperanton por simem aŭ pro ordono de sia firmestro. Por lerni alian fremdan lingvon ili trovus specialajn lernejojn kiel la Berlitzajn, ili trovus specialistajn instruistojn, sistemajn lernolibrojn k. t. p.

Por lerni Esperanton, kion ili trovas? Niajn grupajn kursojn, niajn ofte nesufiĉajn instruantojn aŭ lernolibrojn. Se ili volus lerni Esperanton senpage, ili ne havus rajton plendi. Kontraŭe, ili devus admiri kaj danki tiujn sindonajn personojn, kiuj, por helpi nian aferon, donacas sian tempon kaj forton por instruadi nian lingvon, eĉ se tia laboro estas tute ekster iliaj kutimoj aŭ profesia kapableco.

Sed se, ne pro entuziasmo, sed pro praktika neceseco ili deziras lerni Esperanton serioze kaj plene komprenebIe ili estus pretaj pagi por tio same kiel ili faras por aliaj lingvoj. Kaj se ili same pagas, ili ankaŭ kompreneble postulas same ricevi.

Ĉu por tia praktika, serioza instruado de nia lingvo ni estas ĉie pretaj? Vojaĝinte iom multe tra Esperantujo, mi respondas : *ne*.

En Dresdeno ekzistas nun oficiala Saksa Instituto de Esperanto. Jen bona komenco. En kelkaj aliaj lokoj estas diversaj iom-oficialaj kursoj. Jen ankaŭ bona afero same imitinda.

Du aŭ tri naciaj esperanto-societoj donas diplomojn por instigi pli bonan studadon de la lingvo. Ĝi jam havis multajn kontentigajn rezultatojn, sed ne ĉiam, ĉar tro indulgaj estis la ekzamenantoj iom ofte. Nu, kian garantion havas la publiko pri la instruantoj kaj ankaŭ pri la lernolibroj, ke ili prave instruas? Ke ĉie la saman lingvon ili klarigas? Ke la saman elparoladon ili montras?

La I (1) distoj multajn aferojn kritikas en Esperanto kaj por «korekti» nian lingvon ili eltrovis novajn regulojn, kiuj ankoraŭ malpli bone funkciadas kaj pri kiuj ili nune suferas kaj interdiskutas. Tre malsaĝe ili agis, kaj eĉ kulpe. Unu afero estis necesa : studi ĉu la kelkaj ŝajnaj malfacilaĵoj de Esperanto ekzistas vere aŭ ĉu ili ne simple estas rezultato de malbona instruado, de lernolibraj eraroj k. t. p.

Ekzemple la uzo de la akuzativa litero N estas preskaŭ ĉiam malbone klarigata kaj igata tre malfacila, kiam ĝi fakte estas sufiĉe simpla. En Anglujo, Ameriko kaj eĉ Francujo vendiĝas ankoraŭ lernolibroj, kiuj instruas tute eraran elparoladon de nia lingvo kaj kaŭzas, ke miloj da samideanoj, kiuj ne ĉeestis kongresojn, penadas paroli nian lingvon en tre malbela kaj malfacila maniero kaj kuraĝas kredi, ke ĝi estas belsona. Unu simpla vorto povus eviti ali li tian sklavecon.

Jen tre gravaj aferoj por la unueco de nia lingvo. Ĉu tio ĉi interesas niajn lingvodiskutulojn? — Ne ili preferas babiladi por pruvi, ke *i* estas cent foje pli bona ol *oj*, kaj *ez* ol *u* k. t. p. Ofte ni miras, ke kelkaj el niaj amikoj, eĉ el niaj Akademianoj, havas sufiĉe da perdebla tempo por aŭskulti similajn malgravaĵojn anstataŭ zorgi tuj pri la gravaj aferoj, kiujn ni nun bezonas. Mi alifianke intencas proponi al la nia Akademio, ke ĝi bonvolu komenci *negativan* laboron, t. e. publike montri la *malbonajn* klarigojn, esprimojn, vortfaradojn k. t. p. por ilin haltigi.

Sed nia Akademio ne povas starigi lernejojn rekomendi lernolibrojn, aŭ disdoni diplomojn. Por tio ni bezonas specialan internacian organizaĵon aŭ pli bone entreprenon, kies nura celo kaj okupado estos la instruado de nia lingvo. Tio estas la kaŭzo kial mi fondis la *Internacian Instituton de Esperanto* kaj ankaŭ kial la IV^a Kongreso en Dresdeno bonvolis aprobi ĝin « *por kreado de normalaj lernejoj kaj internaciaj diplomoj* ».

La *Instituto* do celas prepari bonajn instruantojn de nia lingvo kaj, por kuraĝigi personojn al plena studado de nia lingvo, la Instituto organizas ĉie, kie ĝi estas ebla, publikajn esperanto-lernejojn, ĉe kiuj ili povu instruadi la lingvon per pagataj lecionoj.

Jam nun tiuj lernejoj organiziĝis en kelkaj ĉefurboj de la mondo kaj post kelka tempo la Instituto esperebIe havos aliajn en multaj urboj.

La Instituto ankaŭ organizas korespondan instruadon de nia lingvo por la personoj loĝantaj ekster la gravaj urboj ; sed ĝi tamen pli speciale disvatigas kaj uzigas la *parolan* metodon por instrui Esperanton.

La Instituto povas fariĝi tre grava kaj utila por ĉie disvastigi praktikajn metodojn kaj spertojn aŭ konsilojn utilajn al la instruantoj de Esperanto.

La diplomoj de la Instituto estos donataj nur post tre seriozaj ekzamenoj, kiuj necesigos specialan preparadon laŭ difinita programo. Por tiu preparado la Instituto organizos normalajn kursojn en la gravaj esperantistaj centroj.

Sed la ĉefaj serioj da kursoj okazos en la urboj de la kongresoj dum la aŭtunaj tagoj. En Barcelono, aŭ apud ĝi en la loko marborda kaj freŝa, ni intencas organizi someran lernejon dum dek tagoj antaŭ la kongreso. La kursoj kaj paroladoj estos tute en Esperanto kaj ĉe la fino okazos ekzamen-kunsido por la *Atesto pri kapableco* kaj por la *Profesora Diplomo*, (multe pli malfacila kaj altgrada). Jam ses aŭ sep eminentuloj diversnaciaj promesis partopreni kaj ni ne dubas, ke multaj samideanoj deziros veni por aŭskulti ilin.

Ĉar la lernejoj de la Instituto bezonas lernantojn por vivadi, la Instituto mem devas klopodi por disvastigi kaj konigi Esperanton. La tio, ke ĝi ne estas konata fondo de Esperanto-lernejo en ia urbo estos jam per si mem efika propagandilo kaj la Instituto grande utilos por krei esperanto-movadon en lokoj, kie nenio ekzistas jam. Tien la Instituto sendos bonan instruanton kaj propagandiston de nia lingvo por komenci movadon. Tiamaniere la Instituto faros misian laboron en la « novaj » aŭ rilate al Esperanto « dezertaj » landoj kaj lokoj.

Kiel funkciados la Instituto laŭ financa vidpunkto? Ĝis nun ĝia fondinto persone monoferis por ĝi, sed post diversaj propagandaj vojaĝoj lasttempaj li alvenis al tempo kiam estas al li neebIe daŭrigi pli longe tian sistemon. Pro tio la granda svisa banko « *Bankverein Suisse* » en Ĝenevo kaj Londono bonvolis akcepti fariĝi kasbanko de la Instituto kaj ni petas ĉiujn Esperantistojn, kiuj tion povas fari, ke ili helpu sendante al ĝi donacan sumon. Iliajn nomojn ni publikigos kiel subtenantojn de la Instituto. Kapitaleto tre helpus en la komenco, sed, ĉar la Instituto devas estis komerca entrepreno, ĝi celas plej baldaŭe vivadi per siaj propraj rimedoj kaj pagi la propagandan laboron per la mono ricevita el la ĝia paga instruado en aliaj lokoj. Ceteraj detaloj estas presitaj sur la cirkulero n° 1 de la Instituto kaj aperos ĉiumonate en nia organo : *Esperanto*.

Ankaŭ en la raporto pri la Dresdena kongreso oni povos legi pri tio, kion mi tie diris pri la afero. La celo de tiu ĉi artikolo estas anonci al la Esperantistoj, ke nia Instituto komencas nun en Eŭropo sian efektivan laboradon.

Ni esperas, ke ĉiuj komprenos la gravan signifon kaj utilan rolon, kiun pli kaj pli havos la nova entrepreno por unuigi kaj reguligi praktikan instruadon de nia lingvo, kaj ni ne dubas, ke la helpo kaj partopreno de multaj samideanoj nin kuraĝigos en tiu nova laboro por la sukceso de nia kara lingvo. Al helpintoj kaj helpontoj koran dankon.

Edmond Privat.

## SOCIA VIVO

### JURO

#### La pensioleĝo pri maljunuloj en Britujo.

La 1. de Januaro efektiviĝis la leĝo (Old Age Pensions Act) per kiu ĉiu persono, kiu atingis 70 aŭ pli da jaroj, kaj posedas la necesajn kvalifikojn ricevos pensiojn da maksimume 2,50 ₷ ĉiusemajne. Ĉiu pensiulo devas esti : brita regnano kaj enloĝanto en Britujo dum 20 jaroj.

Li ne devas esti ricevinto de monehlpo de la paroho, aŭ esti mallaboremulo, aŭ lunatikulo, aŭ malliberiĝinto. La maksimuma pensio estas donata al personoj, kies enspezo ne superas 210 ₷ jare, kaj la minimuma al tiuj, kies enspezo ne superas 315 ₷ jare. Sendube la nova leĝo liveras al multaj indaj personoj tre grandan bonaĵon, kaj estas tre populara. Preskaŭ 500,000 personoj ricevis la pensiojn, la pli multo en Irlando.

W. M. P. (Edinburgh).

∴

#### La laŭrenta imposto en Francujo.

La franca Deputataro jam de kelka tempo diskutas la projekton de laŭrenta imposto, prezentitan de financoministro Caillaux. La plej granda parto de ĝi estas jam akceptita kaj oni antaŭvidas, ke ĝi baldaŭ estos tute voĉdonita ; se ne okazas neatenditaĵoj, ĝi ankaŭ ricevos saman akcepton ĉe la Senato, eble kun detalaj ŝanĝetoj. Jen la ĉefaĵoj de tiu leĝo, kiu plene ŝanĝas la sistemon de la kvar impostoj, ĝis nun uzitan en tiu lando : Principe la imposto havas kiel fundamenton la jaran renton de la regnanoj deklaritan de la impostato kaj kontrolitan de la financinspektistoj, sed ekzistas diversaj esceptoj kaj plna komplementa imposto, nun diskutata. La personoj, kiuj havas jaran renton da 500 ₷ en la malgrandaj urboj kaj 1,000 ₷ en la grandaj nenion pagas. Ekz : iu laboristo, kiu gajnas 3 ₷ tage kaj laboras 300 tagojn jare ne bezonos pagi impostojn. La salajritaj personoj, kies jara rento superas la suprajn minimumojn pagos 3 %, nur por la parto de la rento, kiu superas la donitajn minimumojn. Ekz : grandurba laboristo, kiu gajnas jare 1,200 ₷ pagos 6 ₷, t. e. la 3 % de 1,200 — 1,000 ₷. ; oficisto gajnanta jare 4,000 ₷ pagus (4,000-1,000) 90 ₷. La komercajn impostojn kaj patentojn anstataŭigos imposto da 3 1/2 % laŭ la profitoj (la ŝuldoj estas deprenataj). Ekz : komercisto ricevas suman profiton da 5,000 ₷ ; li pagos 175 ₷ ; alia komercisto ricevas profiton da 1,000 ₷, sed se li aĉetis la komercon kredite kaj devas pagi procenton da 300 ₷, li pagos imposton nur por 700 ₷, t. e. 24,50 ₷. La posedantoj de bienaj aŭ nebienaj kapitaloj, kiel la posedantoj de la franca rento pagos 4 %. Krom tio, ekzistas, kiel ni diris, komplementa imposto. Ekz : urba laboristo gajnas 960 ₷ jare, lia edzino 720 ₷ kaj lia filo 400 ₷ ; laŭ la supraj minimumoj, ili nenion pagus, kvankam ili entute havas jaran renton da 2080 ₷ ; laŭ la aldona imposto ili pagus 4 ₷. Financisto, kiu ricevas profiton da 8,000 ₷ kaj posedas bienon, kies rento estas 12,000 ₷ pagos 280 + 480 + 640, t. e. 1,400 ₷. Oni vidas, ke la imposto, sufiĉe alta, prigrandiĝas progresive laŭ la riĉeco. Plie estas notinde, ke la komunumaj kaj departementaj impostoj ne estas enkalkulataj, ĉar ili estos fiksataj per alia leĝo.

V. R. (Parizo).

∴

#### La demando pri pensio al maljunuloj en Aŭstralio.

Dum en Eŭropo tiu demando estas ankoraŭ solvota en la plej multaj regnoj, en Aŭstralio la pensioj al maljunuloj funkcias jam de longa tempo en la ŝtatoj Victoria kaj New-South Wales, kiel ankaŭ en Nov-Zelando. La esencaj punktoj de la leĝoj de tiuj ŝtatoj estis aplikitaj al la leĝo, kiu nun funkcias en Britujo. Ili estas jenaj : la tutaj elspezoj por la pensioj estas liverataj de la ŝtato mem ; nek la laboristoj, nek la mastroj partoprenas en ili. Ciuj personoj pli ol 65 jaraj aŭ pli junaj, kiuj ne plu povas labori pro danĝeraj kaj malsanigaj laboroj ricevas pension da 5 ₷ semajne, t. e. 260 ₷ jare, escepte la personoj, kiuj havas aliajn rentojn. Pri tiu punkto la leĝoj de la tri ŝtatoj iomete malsamas. Ekz. en New-South-Wales, la personoj, kiuj havas propran renton da 260 ₷ ; ĝis 520 ₷ ricevas tian pension, ke ilia suma rento atingu 520 ₷ ; personoj, kiuj havas pli ol 520 ₷ da propra rento ricevas nenion. Tiuj pensioj estas pagataj de la polico. Entute la tri nomitaj ŝtatoj elspezis 10 milionojn da ₷ jare.

Sed de la ekzisto de la Aŭstralia konfederacio, la Parlemento elektis komisiitaron por pensio al maljunuloj aplikebla al ĉiuj ŝtatoj, laŭ la samaj principoj, klarigitaj supre, kaj estas verŝajne, ke tre baldaŭ ĉiuj Aŭstralianaj maljunuloj neriĉaj, el kiu ajn ŝtato, ricevos pension da 260 ₷ jare, kiu reprezentas la ŝuldon de la juna generacio al la laboro de la maljuna laborinta generacio.

W. R. (Brisbane).

## KOMERCO & INDUSTRIO

### La Pligravigo de la internacia komerco

Oni ofte ripetas, ke la plimultigo de la komunikiloj havis kiel konsekvencon sentéblan pligraviĝon de la internacia komerco, t. e. de la interŝanĝoj de lando al alia. — kio estas prava — sed oni malofte konscias pri la veraj ciferoj, kiuj esprimas la valoron de tiuj interŝanĝoj, kaj pri la ĝusta kresko de la internacia komerco, kiu aliparte resumas la ekonomian agadon de ĉiu popolo. La suba tabelo permesas pli facile koni la situacion ; pli bone ol ĉio, ĝi montras laŭ kia grandega proporcio kreskis la internaciaj interŝanĝoj dum la 15 lastaj jaroj : (La ciferoj estas esprimitaj per milionoj da ₷ ; ili rilatas al la ekstera komerco de la ĉefaj regnoj en 1892 kaj 1907.

| Landoj | 1892 | 1907 | Kresko % |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio . . . | 1.350 | 2.363 | 75 % |
| Belgujo . . . | 1.162 | 2.440 | 103 |
| Britujo . . . | 6.567 | 10.807 | 61 |
| Francujo . . | 3.059 | 4.638 | 52 |
| Germanujo . . | 3,444 | 7.992 | 132 |
| Italujo . . . | 852 | 1.844 | 120 |
| Japanujo . . | 396 | 975 | 147 |
| Rusujo . . . | 819 | 1.729 | 110 |
| Usono . . . | 3.066 | 6.693 | 118 |
| Sumo. | 20.715 | 39.481 | 82 % |

Kiel oni vidas, la ekstera komerco de la naŭ ĉefaj regnoj atingas nun preskaŭ 40 miliardojn da ₷. kaj nur en dek kvin jaroj kreskis je 82 %. Oni ne forgesu, ke en tiu tabelo estis necititaj multaj pli malgrandaj landoj, kies ekstera komerco estas ankaŭ tre atentinda.

## GEOGRAFIO

### Kelkaj notoj pri Brazilio (1)

Kiel ĉiuj scias, Brazilio estas grandega lando ; ĝia surfaco egalas tiun de Eŭropo, kvankam ĝia loĝantaro atingas ankoraŭ nur 25,000.000 da loĝantoj. Multaj personoj erare kredas, ke Brazilio estas regno en konstanta revolucia stato kaj vizitata de la febro flava. Tio jam ne estas vera. La «revolucioj» estis tre pacaj kaj la febro flava estis sukcese elpelita. Brazilio, eltrovita en 1500 de Portugalo Cabres, estis Portugala kolonio ĝis 1822. Je tiu epoko, la Brazilianoj elektis imperiestro la reĝidon de Portugalujo kaj igis sin sendependaj Tio okazis sen ia revolucio. En 1889 Dom Pedro imperiestris Brazilion kaj estis tre populara. Tamen, la 15 de novembro, bataliono en Rio ribeliĝis kaj en kvin horoj la monarko estis sentronigita kaj proklamiĝis la Respubliko, sen ia sangofluo. Tiu dua revolucio neniel haltigis la aferojn ; oni do prave povas diri, ke tiuj «revolucioj» estis tre pacaj.

Antaŭ kvin jaroj, la flava febro ankoraŭ regis kaj ĉiu penis sin gardi kontraŭ tiu danĝero. En kvar jaroj de grandega laboro, laŭ la instigo de S-roj Rodriguez Alves, prezidanto de la Respubliko, kaj P. Passon, urboprefekto. Oni ne konas ekzemplon de pli rapida transformiĝo de urbo. En Rio, la tuta malnova urbo, kiu konsistis el stratetaĉoj, en kies mezo fluis nigra akvaĉo, bonega loko por mikroboj, estis malkonstruita. Oni anstataŭigis per larĝaj avenuoj, kies suma longeco atingas 13 km ; oni starigis belegajn monumentojn, kiel la urba teatro, kiu kostis 10 milionojn da ₷, la amortiza banko'la nacia biblioteko, kiu enhavos milionon da volumoj, la Belartaj lernejoj, la Monroe'a paviliono, multaj lernejoj, k. c. Preskaŭ ĉiuj sidas en la centra avenuo, kiu trapasas la malnovan urbon kaj estas longa je 3 1/2 km ; oni terigis ĉiujn marĉojn, anstataŭigis la kloakojn, kaj tiel malaperigis la diversajn kaŭzojn de la febro,

Brazilio estas tiel vasta, ke ĝi bezonas enmigrantojn. Specialaj kondiĉoj estas proponataj al ili : por tiuj, kiuj veturas kun sia familio, senpaga vojaĝo ĝis la loko elektita de la enmigranto. Tiu ĉi povos aĉeti kampolotajon de 25-50 hektaroj kun domo. La pagado okazas en la daŭro de dek jaroj. Oni do povas esperi, ke brila estonteco montriĝos al la granda subamerika respubliko.

E. B. (Rio).

(1) Laŭ Esperanta parolado de S-ro Backheuser (Rio), farita en Troyes.

## PEDAGOGIO

### Kongreso de slava instruistaro en Praha

De la 9. ĝis 14. Aŭg. 1808 okazis en bohema ĉefurbo Praha kongreso de slavaj instruistaro kaj amikaro de lernejaro, kongreso, kaj, unuan fojon, kunvenigis grandan nombron (proksimume 6 milojn) da instruistoj el ĉiuj nacioj slavaj (mankis sole Slovakoj kaj posnaniaj Poloj, kiuj ne povis partopreni pro kaŭzoj politikaj), kion ne atingis eĉ kongresoj en Zagreb (1871) kaj Wien (1873). La temo de la kongreso estis problemo pri nacia edukado kaj pri nacia edukado lerneja kaj eksterlerneja. Valora komplemento al la agado de la kongreso estis raporto de nia samideano M. Alferi, lernejestro en Edislavice-Humpoleh (Bohem.), kiu pritraktis la problemon pri internaciismo kaj ĝian aplikon en la edukado, montrinte, kiel oni povas harmoniigi la ideojn pri naciismo kaj internaciismo. La kongresa agado estis trapenetrita per la moderna tendencoj, per devigo pri libera lernejo, la kongresaj raportoj donis por la solvo de la elektita problemo multe da ŝatinda materialo kaj montris, ke la slava instruistaro volas labori en progresema spirito por intelekta kuniĝo de Slavaro kaj en ĝi, inter junularo kaj popolo, disvastigi la humanecon, amon kaj fratecon. La plej proksima rezultato de la kongreso estas fondo de la asocio de slavaj instruistoj en Aŭstrio. Laŭ propono de S-ro Alferi, oni decidis eldoni la kongresajn deziresprimojn en la ĉefaj lingvoj kaj en Esperanto kaj dissendi ilin al diversaj eŭropaj institucioj pedagogiaj, instruistaj, k. c. La kongreso ne sole manifestis, sed ĝi ankaŭ laboris kaj la influo de ĉi tiu laboro certe estos rimarkinda.

BOUŠKA (Praha).

### Nova pilkludo

Por ĉiuj pedagogoj estas klare, ke la celo de edukado estas disvolvi ĉiujn kapablojn tiel korpajn kiel animajn, kaj ke grava parto de korpa edukado estas ludoj en freŝa aero. Bedaŭrinde ne ĉiuj ludoj kaj sportoj havas pedagogian signifon, multaj eĉ estas iom maldelikataj kaj sekve nerekomendindaj de pedagogoj. Tiuj bonvenigos certe novan pilkludon de nia bohema samideano, S-ro.Kriŝtof, profesoro de gimnastiko (Praha III-83), nomatan « Jetludo » (Razena). Tiu ĉi interesa, movoriĉa ludo taŭgas por ambaŭ seksoj, ĝi estas pli delikata kaj bela ol fotbalo, al kiu ĝi similas (la pilko estas ĵetata per mano, ne per piedo) kaj same eleganta kiel teniso. La detalaĵojn konigos al ĉiu interesiĝanto la aŭtoro, kiu eldonis jam boheman kaj eldonos ankaŭ esperantan broŝuron pri sia « jetludo ». BŜK.

## AERVETURADO

### Novaj konkursoj

Sro Gordon Bennett kiu jam donacis faman pokalon por aŭtomobilismo kaj nedirektebla balonoj, jus proponis novan por aerflugado al la internacia aervetura Federo. Ĝi estas arta objekto, valore 5,000 ₷, por la aerfluganto, kiu estos plenuminta vojaĝon difinitan ĉiujare en monato Januaro. Tiu konkurso okazos en la lando de la lasta gajninto de la pokalo.

En Monako okazos flugmaŝina konkurso de 24 Jan. ĝis 24 marto, organizata de la Internacia monaka sporto-klubo. La provo estas jena: superflugi la molojn de la monaka haveno, naĝi super la maro. ĉe la promontoro Martin kaj reveno; tiu vojaĝo devos esti farata trifoje je tri malsamaj tagoj. Premioj da 30,000 6,000, 4,000 ₷ estos difinitaj por la tri aerflugantoj, kiuj plenumos tiun vojaĝon en la plej mallonga tempo. Ni siatempe detale informos la legantaron de ESPERANTO pri tiu grava konkurso.

En Reims (Francujo) firmo Pommery donacas pokalon da 20,000 ₷ al la aerfluganto, kiu fine de ĉiu semestro estos farinta rektlinie la plej longan vojaĝon per flugmaŝino.

Por la transflugo de Francujo al Britujo aŭ reciproke, diversaj premioj estis proponitaj, inter aliaj de S-roj Ruinart (5,000 ₷) kaj Deutsch (10,000 ₷, transflugo kun du pasaĝeroj). En Italujo, la « Gazetta della sporte » donos premion da 6,000 ₷ al la aerveturanto, kiu senhalte flugos de Milano ĝis Torino (133 kil). La belga gazeto «Lasta horo» siavice donos 4,000 ₷ al la aerflugonto, kiu de 15 aug. ĝis 15 sept 1909 aervojaĝos de Bruselo ĝis Ostendo aŭ samlonga distanco.

## La Faktoj

*28 Dec. 1908. Sicilio.* — Tertremo detruas urbojn Messina kaj Reggio en Kalabrio kaj multajn vilaĝojn; ne malpli ol 100,000 mortintoj.

*Madras.* — Malfermo de nacia india kongreso.

*30. Parizo.* — Solena fermo de aerveturada ekspozicio.

*31. Messina.* — Alveno de franca ŝiparo por helpi la vunditojn.

*Le Mans.* — Wright gajnas la pokalon de Michelin.

*2 Jan. 1909. Londono.* — Gazeto « Daily Mail » starigas premion de 10,000 ₷ por la unua flugmaŝinisto, kiu trapasos la kanalon en 1909.

*4. Romo.* — Sieĝstato en Messina kaj Reggio.

*5. Bukareŝto.* — Nasko de princidino.

*Mukden.* — Ribelo de Mandĵuriaj trupoj ; 10,000 ribelantoj.

*6. Messina.* — La postvivantoj de l'urbo kunsidas en la stacidomo, voĉdonante la rekonstruon de siaj urboj.

*7. Washington.* — Usono. Kolumbio kaj Panamo starigas traktaton lau kiu Kolumbio rekonas la sendependecon de Panamo kaj tiu ŝtato konsentas pagi 5 milion. ₷ por la Kolumbia ŝuldo.

*9. Romo.* — Itala Deputataro aprobas leĝon pri Kalabrio kaj Sicilio.

*10. Bukareŝto.* — Prezidanto de l'ministraro Sioardza eksiĝas ; Bratiana lin anstataŭas.

*11. Bethune.* — La gilotino denove funkcias en Francujo.

*Konstantinoplo.* — Manifesto kontraŭ la anekso de Kreto al Grekujo.

*Nax* (Svisujo). — Elfalo de preĝejo ; 30 mortindoj ; 60 vunditoj.

*Londono.* — Internacia Aerveturada konferenco.

*12. Orienta Virginio* (U. S. A.).— Eksplodo en minejo Lickbrand ; 50 mortintoj.

*Konstantinopla.* — La Deputataro aprobas principe revizion de la konstitucio. Turkujo interkonsentas kun Aŭstrio pri la anekso de Bosnio-Herzegovino.

*Kristianio.* — Malfermo de la Deputataro.

*13. Norda Italujo.* — Tertrema skuado; nenia danĝero.

*Peterburgo.* — Morto de vicadmiralo Rodjestswenski.

*14. Genovo.* — Morte de patrioto S. Canzio, generalo de Garibaldi.

*15. Berlino.* — Morto de Ernesto von Vilenbruck, poeto kaj dramverkisto.

A. TELLINI.



## NUNTEMPAĴO

# EL LA LANDO DE L'DOLORO

*La Sicilia tertremo; la plej granda katastrofo de l'historio; ĉu oni rekonstruos la detruitajn urbojn?; solidareco super la gentaj baroj.*

Tuj post la terura Sud-Itala katastrofo, la Delegito de U. E. A. sendis al ni la suban kortusan raporton, kiu ne alvenis sufiĉe frue por nia lasta No.

Palermo, la 3an de Januaro.

De post kvin tagoj Messina (160.000 enloĝantoj) unu el la plej komercaj urboj de Italujo kaj el la plej gravaj havenoj, Reggio Calabria (50.000 enloĝantoj) kaj dudek, tridek aliaj urbetoj kaj ĉarmaj vilaĝoj jam ne ekzistas! De post kvin tagoj ducent mil personoj kuŝas senvivaj sub la ruinaĵoj! Neniam okazis tia malfeliĉego, dum la ĉiuj jarcentoj!

Neniu povas priskribi la teruran okazintaĵon, neniu povas ĝin imagi, kiu ne vidis. La ĉiuj Italoj estas kvazaŭ ŝtoniĝintaj pro la ĉagrenego; ili ne havas eĉ la forton plori, preĝi, malbeni; ili agas aŭtomate, premegatoj de freneziga penso. La pereo estis pli grava ĉar ĉiuj dormis: krom tio la helpoj alvenis iom malfrue, ĉar la komunikoj estis interrompitaj, kaj tial oni ekciis pri la teruregaj efikoj de la tertremo nur post unu tuta tago.

Ceteré ĉiaj helpoj ne povis esti sufiĉaj pro la gravegeco de la katastrofo. Iris milope soldatoj, kuracistoj, laboristoj, studentoj por el'osi el la ruboj la malfeliĉajn fratojn; oni sendis tuj panon, vestojn, kovrilojn, medikamentojn per ŝipoj, ĉar la fervojo ne povis funkciadi. Oni eklaboregis fervore : sed kiom da personoj restas kaj restos sub la ruboj!

En la regiono frapita de la tertremo ĉio mankis: la aŭtoritatoj aŭ mortis aŭ malaperis aŭ freneziĝis; kaj nature nenio estis sufiĉe bone organizita. La helpantoj suferas malsaton kaj soifon: akvo mankis, ĉar la subteraj akvokondukoj enabismiĝis, mankis vestoj por kovri la duonnudajn postvivantojn veturiloj por rifuĝigi ilin al aliaj urboj; oni laboras sub senĉesa pluvego, dum tertremo daŭradas. Multegajn postvivantojn oni forveturigis al Catania, Palermo, Napoli, en tiuj urboj la malsanulejoj, la lernejoj, la kolegioj, la Universitatoj eĉ estas plenegaj : oni ekokupis la teatrojn kaj la preĝejojn; la privataj gastigis multajn malfeliĉulojn, kaj multaj adoptis la georfojn. Sed la privata bonfarado ne sufiĉas : oni devas loĝi, vesti, nutradi milojn da vunditoj kaj da aliaj personoj. Kia estos ilia sorto en la estonteco? La registaro devos helpi : oni parolas pri baldaŭa kunvoko ekstra de la Parlemento.

La Gereĝoj iris viziti la detruitajn urbojn kaj kuraĝigi la bonvolulojn; ili estas ankoraŭ nun tie, kun du ministroj.

Post nelonge oni finos la elfosajn laborojn oni kovros la rubojn per kalko, por malhelpi la epidemion, kiu povus origini de la putrado de tiom da kadavroj. Ĉu Messina, Reggio, la ceteraj urboj reviviĝos? Eble, ĉar iliaj lokoj estas tre gravaj de la vidpunkto komerca kaj strategia; sed estas certe, ke, se ili estos rekonstruataj, la scienco kaj la dolora sperto, akirita per tiom da malfeliĉoj, gvidos la rekonstruontojn.

Pri la homaj perdoj, mi jam diris : du trionoj de la enloĝantoj mortis; la monaj perdoj estas netakseblaj : la konstruaĵoj, la mono, la ĉiuspecaj havaĵoj eble valoras 150-200 milionojn da ₷; sed kiu povos taksi la perdojn kaŭzitajn de la ĉeso de la komerco? Itala gazetisto diris : Estas plej grava malvenko milito de nia patrujo.

Estas efektive gravega bato por mia bela lando; tamen mi esperas, ke ĝi kuraĝe kaj indece toleros ĝin.

Por ni estas multvaloraj konsoloj la frateca sentoj kaj faroj de la ĉiuj nacioj; ni kortuŝitaj dankas ĉiujn.

Sed pleje ni devas danki la heroajn maristojn anglajn kaj rusajn, kiuj unuaj portis helpon; mi ne povas priparoli, kiel mi deziras, la admiregindan konduton de tiuj nekonataj fratoj, iliajn kortuŝigajn, kuraĝajn, eĉ maltimajn farojn. Ni italoj gardos eternan dankemon al ili; ni ĉiam memoros, kun larme malsekaj okuloj, pri ili; kiuj oferis siajn junajn vivojn por savi personojn, kies lingvon ili ne komprenas por plenumi lastajn dezirojn de malfeliĉulojn, al ili fremdajn. Estu iliaj gepatroj, kaj edzinoj kaj filoj fieraj pro ili, kaj sciu ke la ĉiuj italoj benas ilin pro iliaj filoj, edzoj, patroj.

STEFANO LA COLLA.

## INTERNACIAJ DOKUMENTOJ

# « MONO »

Universala Esperanto-Asocio akiris gravan helpon en la Internacia Societo por « Mono ». Sed niaj karaj gelegantoj pro tiu vorto ne pensu al la bona Esperanta vorto «Mono ». Ĉi tie « Mono » estas abreĝita el la vorto « monografio » kaj havas ĝian sencon. Kion do celas la Monosocieto, kies sidejo troviĝas en la bela bavara ĉefurbo Munheno? Ne facile estas doni la respondon en mallonga gazeta artikolo, kaj ni jam nun aldiras, ke la eltrovito de l' «Mono», Sro K. W. Bührer en tiu tempo verkas broŝuron por la Esperantistaro. Ĝi enhavos plenajn klarigojn kaj aperos en printempo.

Tamen ni provos antaŭe informi niajn legantojn pri la ĉefaj celoj de tiu grava Societo. Kaj por tio ni uzas la vortojn de Sro Bührer mem :

«Mi memoras vivege pri franca sensacia dramo, kies titolon mi jam delonge forgesis, sed kiu dum miaj entuziasmemaj jaroj min tute tiel ekscitis kiel la senspire aŭskultantan popolaĉon. Se mi ne eraras, ĝi estis prilaboritaĵo aŭ imitaĵo de «Les Trois Mousquetaires», romano de Aleksandro Dumas. La kvar heroj de l'dramo, unu post la alia, estis enpuŝataj en preskaŭ senfinan vicon da plej danĝeraj aventuroj, sed ĉiufoje ili sin savis el la danĝero, ĉar en la kritika momento la malhelpitaj aŭ perditaj kameradoj nepre aperis kiel el teatra enfosigaĵo kaj la situacio estis savita, tuj kiam la orkestro povis ekludi la nervoskuantan tremolon, kiu efektplene subtenis la savantan militkrion : «Ni estas kvar. »

Ĉiu Esperantisto scias, kiujn malfacilaĵojn Dro Zamenhof devis disigi antaŭ ol la sistemo povis commenci la venkiron tra la mondon. Nur tiam la afero ekmarŝis, kiam li almenaŭ prave divis : «Ni estas du! Kiam Universala Esperanto-Asocio komencis edkonduki la internacian lingvon en praktikan vivon! Venu baldaŭ la tempo, kiam li povos ekkrii : «Venu ĉiuj, nenion mi timas, ni estas tri! » Sed kiu estas la mistera tria?

Nu, se vi min volas, mi, la « Mono-Patro »! Bonvolu pardoni, karaj Esperantistoj, se mi prezentas min laŭ humoreca maniero! Sed mi havis sufiĉan okazon sciiĝi, ke oni bezonas gravan kvanton da humoro, kiam oni riskas la solvon de grava tasko kiam oni dediĉas sian malgrandan vivoforton al entrepreno, kiu en la venonta generacio sin prezentos kiel plene frukto

«Sed, nia bona vivo, « multaj el vi ekkrios,» ni ja nenion scias pri vi! Kial vi nomiĝas Mono-patro? Kion tio signifas, kiamaniere tio koncernas nian internacian helplingvon? »

Estimataj gesinjoroj! Iam denove mi devas aludi memorajon : Antaŭ nelonge mi aŭdis paroladon pri Esperanto. Tinokaze konata Esperantisto dum la posta diskutado diris : « Esperanto ne estas lingvo por idiotoj, ĉar malgraŭ ĝia ŝajna facileco ĝi postulas la plenan laboron de vivo dum kelkaj monatoj, se oni volas perfekte ellerni ĝin ».

Se mi intencas klarigi per mallongaj vortoj sencon kaj spiriton de l'«Mono» sistemo kaj ties samideecon kun la klopodoj de la Esperantistaro, mi ankaŭ devas peti iom da pacienco; ĉar la fakto, ke vi fariĝis lerta Esperantisto, pruvas al mi, ke vi posedas multe da pacienco kaj estos preta, ekzameni tute trankvile kaj sen antaŭjuĝo ankaŭ mian aferon.

Ĉe la Esperanto-sistemo la ĉefa allogaĵo konsistas en tio, ke la aŭtoro sukcesis plisimpligi la senfine komplikitan maŝinon, kiun ni nomas lingvon, tiamaniere, ke el la centmiloj da radetoj, ŝraŭbetoj kaj risortoj, el kiuj konsistis ĝis nun la maŝino, restadas proporcie nur tre malgranda nombro.

La lingvo-inĝenieroj, maŝinistoj kaj maŝinoleisistoj plendis kaj murmuris, ke la tiel plisimpligita maŝino estas neeblaĵo, kiu nepre ne respondos al praktika uzado. Kaj plue ili diris : «Eĉ se la abomenaĵo spite ĉio marŝus, tiam mankus al ĝi la ĉefa afero, la historia rajtigeco, kaj almenaŭ ĝi estus malbela kaj enuiga! »

Ni tre bedaŭras, ke ĉi tiun Esperante skribitan artikolon tiuj ne povas legi kies metio konsistas en tio, kritiki la bonintencajn klopodojn de siaj samtempanoj, ĉar estas por ili konvena okazo, trovi ĉi tie la diron, ke la « Mono » sistemo, pri kiu ni parolas, havas la samajn mankojn, kiujn oni opinias devi aljuĝi al Esperanto.

Mi tute ne volas alian, ol klopodi, ke ĉiuj presajoj de nun malaperintaj en la paperkorbo :

1e Estu eldonataj laŭ *monda formato;*

2e Mi deziras ke tiuj multegnombraj presaĵoj ricevu *internacian registrigon ;*

3e Mi volas altrudi al la homaro iom pli da respekto por la presnigrajo.

Precipe mi devas diri, ke tiu monda formato unuavice estas por tiuj presaĵoj, kiuj ĝis nun estis dediĉataj al pereo, ĉar, pardonu mian senmodestecon, mi estas prudenta vivo kaj agas kiel Dro Zamenhof, kiu sian Esperanton ankaŭ ne nomas mondlingvon sed *Internacian Helplingvon*, pensante ke la vorteto «help» en ĝusta tempo malaperos per si mem. Do, mi petas, helpu mian klopodon, por ke « paperkorbo » ankaŭ malaperu kiel eble plej baldaŭ!

Se mi dezirus atingi, ke oni ne plu presigu ion, nur por ĝin posedi presitan, se, per aliaj vortoj, mi volas naskigi la modon, ke oni pripensu aferon antaŭ ol ĝin eternigi per neelviŝebla presnigrajo, mi celas al la literatura parto de ĉiuj presajoj ĉiutagaj. Sekve mi ankaŭ devas prepensi la artan flankon de tiuj presaĵoj kaj pro tio la « Mono» sistemo signifas « Milito kontraŭ ĉia mezvaloreco, neĝusteco kaj ordinareco ».

Por iom pli klarigi la tri nomitajn punktojn, ni aldiras jenon :

Ĉis nun preskaŭ ĉiu presaĵo havas alian formaton, precipe la komercistaj reklamiloj, la gvidlibroj, fervojaj horaroj k. t. p. havas tiel malsaman formaton ke ilia kolekto estas preskaŭ ne ebla. Kiu sin okupas ĉiutage kun tiaj presaĵoj, tiu bone scias kian maloportunaĵon kaŭzas tio. Sur nia skribotablo estas vera konfuzo pro tiu malsameco de la formato. Multe da bonaj reklamiloj, kiujn ni plezure kolektus por uzi ilin siatempe, vojaĝas al la paperkorbo, ĉar ili estas aŭ tro grandaj aŭ tro malgrandaj por esti enŝovataj en la kestetojn de nia skribejo. Ekzemple, ĉu vi kolektas vizitkartojn? Ne, ĉar ilia formato estas tiel malsama, ke kolektajo el nur cent kartoj bezonus tro grandan spacon. El la esperante redaktitaj gvidlibroj, kiujn la skribanto ĝis nun ricevis, ne unu havas saman formaton kiel alia! Tial ilia laŭorda kolektado preskaŭ estas neebla.

La Monosistemo kun sia unueca formato, 11 1/2 — 16 1/2 cm., forigas ĉiun maloportunaĵon, kaj atingas, ke la kolektado de ĉiuj presaĵoj estas farebla laŭ ĉia gusto.

En niaj kolektaĵoj ni ofte vane dum longa tempo serĉadas tiun aŭ alian folion, broŝuron k. t. p., ĉar la nunaj presaĵoj ne havas numeron aŭ alian registrigan signon. La aŭtoro de la Monosistemo estas tre praktika homo, li ankaŭ eltrovis bonegan internacian manieron por rapida kaj tuja enregistrigo de ĉiuj presaĵoj. Se oni kolektas la ricevitajn foliojn, broŝurojn, reklamilojn k. t. p., laŭ tiu enregistriga maniero oni tuj senerare retrovos la deziritan ajon.

La nunaj presaĵoj kutime estas faritaj sen ia artsento. La ilustraĵoj ofte estas malbonaj kaj malbelaj, la literoj estas aŭ tro grandaj aŭ malgrandaj, la papero malbona kaj malforta. Kompreneble oni ne ŝatas tiajn presaĵojn. Apenaŭ vidinte, oni forĵetas aŭ disŝiras ilin. Sed tio ne estas la volo de la eldoninto; precipe reklamiloj, gvidlibroj estas presataj por esti kolektataj kaj konservataj. Ankaŭ en tiu vidpunkto la Monosistemo liveras bonan rimedon, ĉar ĝi postulas artan eksteron de siaj eldonaĵoj.

Resume la Internacia Mono-Societo celas reformi la manieron, laŭ kiu oni nuntempe preziĝas kaj eldonas librojn, broŝurojn, foliojn, kartojn k. t. p. La tuta klopodo estas tre grava en nia papera epoko kaj ĝi nepre meritas la helpon de la Esperantistaro, kiu antaŭ nelonge plifaciligis la internacian rilatojn per forigo ne de formata, sed de lingva malsameco. Kiam al vi, kara leganto, ke ĉiuj esperante redaktitaj presaĵoj, libroj, folioj, vortaroj, propagandiloj, kovertoj k. c. estus laŭ sama, oportuna formato! Kian belegan ordon vi tiam havus en via biblioteko, sur via skribotablo, en la tirkestoj, la paperujo! Tial bone atentu

---

FELIETONO DE " ESPERANTO " 1

# LA LASTAJ FOLIOJ

DE

K. S. BARANCEVIĈ

En ekstremajo de larĝa aleo en neordigata sinjora parko, apud lageto, sur benko, sidis du virinoj, — juna kaj pli, maljuna. Estis la kvara horo de oktobra suna tago. Flavaj folioj surŝutis la parkajn vojetojn kaj, kvazaŭ tapiŝo, dissterniĝis sur malgranda herbejo, ĉirkaŭita de arboj. Eĉ la lageto, senintermanke kovrita per dubeverda ŝlimo, ĉe siaj bordoj ankaŭ estis surŝutita de folioj. Duondetruita albordiĝejo el grizaj ŝtonoj, kun disrompitaj ŝtupoj kaj kripligitaj leon figuroj ĉe ambaŭ flankoj de la ŝtuparo, izole altiĝadis meze de sen'oliiĝintaj kratagujoj kaj vidiĝadis de malproksime. En la parko estis silente; aŭdiĝis nek birda pepo, nek korva krio, — ĉio ĉirkaŭe kvazaŭ mortadis, lumigata per oblikvaj radioj de la subiranta suno, — Kaj sentadon de trankvila, senobjekta malgajeco ekscitadis en homo tiu malbrua, forlasita loko...

— Mi ne komprenas, mia karulino Veranjo, kio vin tiom maltrankviligas! — Ekparolis la pli juna virino, ĵetante malentendan rigardon sur la lageton kaj tuj ĝin redirektante sur sian kululinon.

— Nu, certe! — Jesis la pli maljuna, — vi ne kapablas kompreni mian staton... Kaj dank, al Dio! — Ŝi aldonis ne laŭte.

La pli juna kompateme ŝin rigardis.

— Ĉu vi estas malfeliĉa, Veranjo? Pro kio?

— Ah, Olnjo! Kiu al vi diras...

— Sed jen, Jus.

— Gi ne estas tio! — interrompis Vera, sulkigante, — ne tio, ne tio! Mi volis diri, ke vi, eble, eĉ tial estas pli feliĉa ol mi, ke via vivo estas plenigita... Nenio estas pli malbona ol soleco! Ĉu vi suferadas tiun teruran malplenajon, en kiu mi enmarĉiĝas, tiun senfinan nekontentiĝo...

La pli juna ŝin rigardis kun larĝe malfermitaj okuloj. Estis iu nova, peza kaj akra en la esprimo de la fratina vizaĝo. Ŝia alta, seka figuro, tute nigrevestita, kvazaŭ tremetadis pro ia interna, malfacile kaŝata tremo; la delikate formitaj brovoj kuntiriĝadis kaj tremetis, la okuloj lumiĝadis per seka brilo, kaj sur la perlaj, velkintaj vangoj jen montriĝis, jen ree malaperis ioma ruĝeto.

— Mi ne komprenas... — malkuraĝe ekmurmuris Olga.

— Nu, certe, certe! — Neĝentile interrompis la fratino. — Vi ne povas kompreni *ĉi tion...* Via vivo estas normala... Vi havas edzon, kiun vi amas, infanojn, pro kiuj vi fordonus vian animon, mastrumajon, en kiun vi tuta estas eniĝinta. Pro klopodoj kaj zorgoj la vivo pasas nesenteble, facile... Kaj mi? Kaj mi? Min okupi pri *mi mem*, enfosiĝadi en *mian* animon... Ĉu vi opinias, ke ĝi estas facila?

— Kaj via lernejo?

— La lernejo? — Strange, iel deflanke ŝin ekrigardis Vera, — la lernejo... jes... certe...

— Vi volas diri, ke la lernejo ankaŭ ne estas *tio*, tamen ni estas kune travivintaj la tutan someron, kaj mi ne aŭdis plendojn! — rekrikis Olga.

— Ĉu mi plendas? Vi mem igas min...

— Tamen vi estis gaja!

— Estas eble! Eble tial, ĉar vi estis apude, ankaŭ la in'anoj, — ili ĉiun gajigas!

— Ne, Veranjo, karulino mia, vi simple ŝajnigas al vi mem... Nu, se estas tiele, — veturu kun ni! Sergio tiom vin estimas, vin amas, ŝatas vian saĝon.

La pala vangoj de la fratino ekflamis per purpuro. Flava folio, malrapide ŝin turnante en la aero, falis sur ŝian ŝultron. Ŝi prenis ĝin je la trunketo kaj komencis ĝin rigardadi.

— Jes, mi scias! — Ŝi ekmurmuretis.

Kaj denove, en ĉi-tiuj paroloj estis io tiom stranga kaj nova, ke la fratino malkviete ekrigardis ŝian vizaĝon. Sed ŝi subite levis la kapon kaj haltigis sur Olga malvarman rigardon.

— Mi scias, ke li ŝatas mian saĝon, kaj ne li sole... Sed pro tio ne estas pli facile. Se ĝi tute malestus, kaj estus nur tio, kio estas atingebla por ĉiu...

— Kiu do estas kulpa, Veranjo, se vi mem ne volis...

— Edziniĝi? Ha, ne diru tion-ĉi, mi petas! Al mi ŝajnas, ke ĝi estas demando solvita!

— Jes, — ĉar vi estas tro postulema : vi ion deziras tian, kion oni ne povas trovi en la mondo...

— Estas eble! Mi ja ne estas kulpa, ke mi naskiĝis tia.

— Oni devas preni de la vivo, kion ĝi donas, Veranjo.

— Malnova, eluzita sentenco. Jen vi prenas!

— Ho, al mi la vivo donas trop multe, kion mi eĉ ne estas meritinta.

— Nu, kaj al mi ĝi ne donas eĉ duonon! Kion rilatas ĉi tie edziniĝo? Ĉu efektive vi opinias, ke, se mi estus edziniĝinta, ĉio estus finita ?... Kia sensencaĵo! La vivo donas al ĉiu tion saman, sed iuj, kiel, ekzemple, vi, estas kontentaj pri sia parto, kiom ajn malgranda ĝi estus, kaj krom tio, ke ili mem estas feliĉaj, ili kapablas ankaŭ fari feliĉaj la ĉirkaŭulojn, — la aliaj kaj el si mem difektigas la vivon, kaj fariĝas ŝarĝaj por aliaj...

— Veranjo, ĝi estas melankolio!

— Ne, Olnjo, — filozofio.

— Nu — filozofio, sed malĝoja, melankolia! Ĉu vi scias, de kie tio-ĉi venas al vi? De la parko, de ĉi tiu pentrinda por velkigantaj naturo... Al kiu ni estas ŝarĝa? Kia sensencaĵo!

— Ekzemple, al vi!

— Al mi? — ekmiris la fratino.

— Certe! Morgaŭ vi forveturas... Ĉiuj viaj pensoj estas pri tio, kio fariĝas hejme, kiel vi veturos, kiamaniere ne malvarmumiĝi la infanojn kaj via tuta enuo kaj ŝajnas vin auskulti miajn nekomprenebla jn plendojn. Estas enuige!

— Malsaĝaĵo, Veranjo, malsaĝaĵo! — varmege ekkriis la fratino, — mi ĉiam estas kontenta, kiam vi min partoprenigas en tio, kio estas sur via animo. Sed tiaj okazas tiom malofte, kaj pleje — pri tiuj malgajaj temoj... Tamen ĝi estas pli bone, ol kiam vi silentas dum tutaj tagoj kaj sidas kun viaj libroj. Kelkaoje mi tiel dezirus veni al vi, paroladi... ne estas eble!

— Ho, mia kara! Dankon!

Vera ekkliniĝis al sia fratino, kvazaŭ deziranta ŝin kisi, sed subite malantaŭeniĝis la kapon. Io simila je teruro montriĝis sur ŝia vizaĝo.

— Kiu tie venas? Jen — tie? — ŝi ekmurmuretis.

— Ĝi estas Arhipo. Kaj poste — la in'anoj... Jen Sonjo kuras kaj Paŭlĉjo... Sonjo, Sonjo, ĉi tien! Paŭlĉjo, ĉi tien! — ekkriis Olga.

Al ili alkuris sepjara knabino kaj ŝin ĵetis je la genuoj de sia patrino.

— Kiel malpuraĉe ci ŝpiras, Sonjo! Ne decas tiel kuri! — rimarkis la patrino.

— Sed li kuris post mi! Apenaŭ ne kaptis min! Jen — li! — babiladis Sonjo, montrante la alproksimiĝantan figuron de sia frato.

Li ankaŭ venis al la patrino kaj ŝin ĉirkaŭprenis. Ŝi karesis lian kapon kaj lin kisis. La okuloj de la filo ekbrilis per ravego, kaj per tiu sama rigardo respondis al li la patrino. La in'anoj karese sin alpremadis al ŝi, ŝi karesadis iliajn harojn kaj amadmiris ilin.

(*Daŭrigota*).

la celon de la Mono-Societo kaj laŭeble helpu la efektivigon de tiu gravega progreso! Kiam vi ion havas por presigi aŭ eldoni, postulu ke la presisto prenu paperon laŭ la formato 11 1/2 — 16 1/2 c/m; aŭ arangu la aferon tiamaniere, ke oni povos faldi viajn paperojn laŭ tiu formato.

U. E. A. plene komprenas la gravecon de la intencoj de l' «Mono» sistenco, kaj ĝi de nun laŭ sia tuta forto subtenos la praktikan kaj arteman klopodon de la dirita societo. Tial ĝi de nun presigos siajn eldonaĵojn kiel eble laŭ la «Mono» formato kaj esperas, ke ĝiaj membroj baldaŭ komprenos la gravecon de tiu novaĵo (1).

S. Schmid.
Komitatano de U. E. A.

(1) Al la artikolo de nia kunlaboranto, ni povas aldoni, ke «Mono-Societo» aliĝis al U. E. A. kiel *Esperantia entrepreno* kaj de nun korespondos Esperante; Esp. broŝuro priĝia celo estas en preparando. U. E. A. alprenos la «Mono» formaton por siaj eldonaĵoj, speciale oficiala jarlibro kaj gvidfolioj.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## OFICIALA INFORMILO

### Alta Konsilantaro

Dro L.-L. Zamenhof, Aŭtoro de Esperanto, *Honora Prezidanto.*

E. Boirac, Prezidanto de la Esperantista Akademio.

Dro Mybs, Prezidanto de la Germana Esperantista Societo.

Klo Pollen Prezidanto de la Brita Esperanto-Asocio.

Glo Sebert, Prezidanto de la konstanta kongresa komitato.

### Komitato

H. Bolingbroke-Mudie, *Prezidanto,* Kensington garden Square, London.

H. Hodler, *Vicprezidanto*-Fako Ia : *Administrado* (8, rue Bovy-Lysberg-Ĝenevo).

Th. Rousseau, Fako IIa : *Financoj* (Esperantio, Beaune-Franc).

A. Carles, Fako IIIa : *Konsuloj* (Esperantio, Beziers, Franc).

P. Blaise, Fako IVa : *Esperanto-Oficejoj* (Tamdem Building, Merton Abbey-London)

J. Schmid. Fako Va : *Turismo* (Esperantio, Bern, Svis).

Dro M. Kandt. Fako VIa : *Komerco & Industrio* (8, Neuer Markt, Bromberg, German).

F. Rockmann. Fako VIIa : *Junuloj* (16, Buckauerst, Magdeburg, German).

Fako Ia : ADMINISTRADO

*Avizoj al Delegitoj & Subdelegitoj.*

∴ La tempolimo por la respondo al la *Oficiala Bulteno* (No 1), pro la malfruigita sendo de ĝi. estis prokrastita ĝis la 10. *de Februaro.* La rezultatoj de la voĉdonado kaj respondoj aperos en nia proksima No. Ni rememorigas, ke pri la unua demando (aerveturada fako) rajtas voĉdoni nur la Delegitoj (§ de la Regularo); pri la dua punkto (gvidfolio) ĉiuj Del. & Subdel. bonvolu respondi.

∴ Ni treege petas niajn Del. & Subdel., ke ili bonvolu ĉiam sendi al fako Ia. unu ekz. almenaŭ de la gazetoj, en kiuj aperis artikolo aŭ informo pri U. E. A. En la okazo se iuj lokaj gazetoj ne enpresis artikolon al ili senditan, niaj Del, & Subdel. bonvolu ankaŭ nin informi pri tio.

∴ En la lokoj, kie le Del. elektis konsulojn, li bonvolu ĉiam komuniki al ili la Oficialan Bultenon de U. E. A. por tio, kio koncernas ilian fakon.

∴ Pro nia granda koresponda laboro, ni tre petas, ke oni ĉiam sin turnu al la taŭga fako, aŭ, almenaŭ, se oni adresas al fako Ia, por eviti poŝtelspezojn, komunikaĵojn pri pluraj fakoj, oni skribu ilin sur apartaj folioj, tiel ke ni povu facili ilin sendi al la taŭga komitatano.

∴ Ankoraŭ sufiĉe multaj Del. ne elektis Vicdelegiton. Ni tre petas, ke ili tion faru plej baldaŭ. Speciala cirkulero-letero estos sendata al ili pri tio. La Vicdel. anstataŭas la Del., kaj lin helpas, en la ordinara tempo.

∴ La *membrolistoj* estu sendataj al ni antaŭ la fino de *ĉiu monato.* Por faciligi la presadon de la Esperantianoj. oni skribu plej legeble ka uzu, ne poŝtkarton aŭ ordinaran paperfolion, sed la membrolistojn, kiujn ni laŭ peto sendas al ĉiuj Del. & Subdel.

*Propaganda broŝureto pri U. E. A.*

Kiel dirite, jus aperis Esperante redaktita *propaganda broŝureto* pri U. E. A., titolita : *Universala Esperanto-Asocio ; ĝia celo ; ĝia organizo ; ĝiaj servoj ; ĝia socia signifo. Tiu* broŝureto tre keare resumas la tutan demandon pri U. E. A., konigas ĝian organizon kaj per la cito de ĝiaj diversaj servoj memklarigas. *Kial* oni povas nun lerni Esperanton ; ĝi ankaŭ aludas la socian flankon de nia afero. Ni tre rekomendas tiun broŝureton al niaj Del. Subdel., konsuloj kaj membroj ; ĝi liveros al ili ne nur bonan konvinkilon, sed ankaŭ utilan materialon por gazetartikoloj, paroladoj, k. c.; estas speciale rekomendate ĝin doni al grupanoj, kurslernantoj, kiuj samtempe kiam ili havos materialon por legaĵo, trovos tie respondon al ofte formulitaj demandoj. Prezo : 10 ekz. = ₷ 0,20 ; 50 ekz. ₷ 0,80 ; 100 ekz. 1,50 ₷. ; mendebla de fako Ia.

Nacilingvaj adaptoj de tiu broŝureto por la publiko eksteresperantista estus ankaŭ tre utilaj, sed ni povos entrepreni ilin, nur se ni per anoncoj povas igi ilian prezon tre malkara, se ne nuligita. Ni precipe dezirus antaŭ ĉio eldoni itallingvan eldonon por senpaga disdonado dum la Internacia Bolonja ekspozicio. Mondonacoj por tiu tre praktika celo estos danke akceptataj. Ĉiuj personoj, kiuj estus pretaj traduki la diritan broŝureton en sian nacian lingvon, bonvolu nin informi pri tio.

*Novaj Subdelegitoj.*

De nun, laŭ la regularo, ĉiuj estontaj reprezentantoj de U. E. A., elektataj ĉu de grupo, ĉu de lo komitato mem, estos *Subdelegitoj.* La titolon Delegito ili plenrajte ricevos tuj kiam ili estos varbintaj minimume 20 membrojn.

Agen (Lot-et-Garonne-Franc. — Sro Maille, kolegia profesoro.

Bgdvin (Polujo, Piostrsk gub). — Sro Wojciechowski.

Baracaldo (Bilbao-Hispan.). — Sro L. Aranaga.

Barnaul (Siberio). — Sro M. Pestrjakov (Żemlenstrojstvo).

Christiania (Norveg.). — Sro E.-G. Christensen (30 Elizenbergei).

Chicago (Ill-Usono). — Sro F.-G. Morin (234 Ewing Str.).

Czestochova (Polujo). — Sro Minkovski (Szkolna 3).

Campinas (Brazilio). — Sro J. Keating (Caixa 53).

Cascorro (Insulo Kubo).— Sro Ramon Moncada Isla.

Dover (Anglujo). — Sro J.-M. Finez (admiral-House).

Fürth (Bavar.-German.). — Sro J. Oesterli (Amalienstr, 52).

Gijon (Hispan.). — Sro R. Maraurij.

Gerona (Hispan.). — Sro F. Lusilla (Plaza Bell-lloch, 2).

Heidelberg (German.).— Sro H. Jakob (Heiliggeistkirche, 6).

Haddington (Skot.). — Sro G. Wright (Victoria Terrace).

Halle a/s (German.). — Sro Knoff (Friedrichstr, 54).

Hanover (Penna-Usono). — Sro Ehrhart (108 Stock).

Helensburgh (Skot.). — Sro R. Colguhoum (Chyde Str. West, 65).

Jaranakr (Nov-Zelando). — Sro G. Fraser (Ohura Rd).

Kaiserslautern (Bavar-German.).— Sro W. Trautner.

Kazimierz (Polujo-Lub). — Sro Niemojewski.

Khartoum (Sudano-Afriko). — Sro G. Lee 2/c pl. A. S. Corps).

Kutno (Polujo). — Sro T. Chmielewski.

Leedo (Anglujo). — Sro J. Midley Ince (38 Mitford Rd).

Lodz (Polujo). — Sro Ender (Rokicinska 20).

Lowicz (Polujo). — Sro Zapolski.

M. Ostrau (Moravio-Aŭstrio). — Sro E. Esterak.

Meran (Tirolo-Italujo). — Sro S. Kunerth (Habsbrugersti, 40).

Mexico (Meksik.). — Dro Vargas (Calle 3 del Reloj).

Mihajlovo (Rus-Tifliska). — Sro J, Majcwski.

Milano (Ital.). — Sro L. Cattorini (V. Sta Maria Fulcorina, 1). — S. P. R. Padulli (Corso Porta Nuova, 17).

Moresneto Belga (Belg.). — Sro Schmetz.

Nürnberg (German.). — Sro E. Decker (Dietztsr, 1).

Nutheroy (Brazilio). — Sro H. Leal (215, de Novembro).

Plock (Polujo). — Sro Elianowski (Str. Krdewiecka).

Paisley (Skot.) — Sro G. Dickson (164, George Str.).

Petropolis (Brazilio). — Sro Duarte Silveira (Hotel Bragança).

Plymouth (Angl.) — Sro

Quilon (Iravan-Indio). — Sro J,-T, Jesudhasan.

Rio-de-Janeiro (Brazilio). — Sro A. Faugeres (96, r. S.-Carlos).

Sala (Sved.). — Sro A.-O. Ehlin.

Schweinfurt (German.-Bavar.). — Sro A. Vogt (Spitalstr)

Sontay (Tonkino). — Sro Saillens (Kap. regimento kolonia).

Sosnowice (Polujo). — Sro Zworgyjanski.

Stavanger (Norveg.). — Sro O.-G. Jensen (Sandegatan 20)

Stebden Bridge (Yorks-Angl.). — Sro W. Clay (Illigworth Villas)

Stretensk (Orienta Rus.). — Sro K. Majcwski (Str. Waberejnaja).

Sumi (Rus.-Harkovska). — Sro D. Speranskij.

Stafa (Svisujo). — Sro F.-A.-H Muschamp.

St-Llorens (Hispan-Barcelona). — Sro F. Garcia.

St-Maur (Franc-Seine). — Sro Gaillot, 5, ave. Chanzy.

Stirling (Skot). — Sro R. Cook (Stirling Sentinel).

St-Paolo (Brazilio). — Sro H. Amaral (Caixa U,).

Würzburg (German-Bavar.). — Sro A. Vogt (Spitalstr, Schweinfurt).

Entute *471* lokoj kun 232 del. kaj 286 sub del.

*Ŝanĝoj :* La Del. de *Bourg* estas nun Sro Chevrot (7, rue Edgar-Quinet) ; la Del. de *Castellon* estas Sr. Escader ; la Vicdel. de *Bedford* estas Fin. Walls (67, Victoria Rd). La Del. de *Kœnigsberg* estas Sro Schwaiger (Hochmeistersstr, 15), anst. Sr. Nitz. La Del. de *Marseille* estas Sr. Rebouillon (61, rue de Rome), anst Dro Rapine. La Subdel. de *Offenbach* a/M. estas Sro O. Amm. La Del. de *Trieste* estas Sro Musijza (via Cerrria, 15).

Fako IIa : FINANCOJ

*Etato de la financoj la 1on de januaro 1909*

| | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|
| Antaŭa deficito. . . . | ₷ | 96,27 |
| Fako : Administrado . . | 173,28 | 85,47 |
| Fako : Financoj . . . . | 51,40 | 8,80 |
| Fako : Esperanto-Oficejoj | 3,34 | 4,36 |
| Fako : Junuloj. . . . . | 22,65 | 1,19 |
| | 250,67 | 196,09 |
| En Kaso. . . . . . . | | 54,58 |
| Sume . . . . ₷ | | 250,67 |

La financa stato publikigita en nia lasta no ne estis tute definitiva, ĉar ni ne estis recevintaj ĉiujn dokumentojn el la diversaj Fakestroj.

Th. Rousseau.

Fako IIIa : KONSULOJ

*Avizoj pri niaj Konsuloj.*

∴ Ni tre petas ĉiujn Del., ke ili bonvolu komuniki al la komitatano de tiu fako ĉiujn nomojn kaj adresojn de novaj diversfakaj konsuloj.

∴ La konsuloj estas helpantoj de la Del. Sekve, oni bonvolu ĉiam adresi ĉiujn komunikaĵojn al la Del. mem, kiu ilin transsendos laŭbezone al la kompetentoj konsulaj por respondo.

*Novaj konsuloj.* I. (Ĝeneralaj informoj Junuloj ; V. Virinoj ; K. Komerco). *Alicante :* J. Ontij Portillo. I. ; S-oj Gaspar Polo kaj J. Adamuz Mellado. V; S-ro V. Gomez. K, ; S-ro M. Serrano del Campo J. — *Avignon :* de Chavanon, J. — *Burgos :* S-ro L. Martinez, J. ; S-ino P. Martinez, V. ; S-ro I. Casas, K. — *Le Creusot :* S-ro G. Forien, I. ; S-ro Mignot, J. ; S-ino Genevois, V. ; S-ro B. Duband, K. — *Liria :* Fino Jimenes, V. ; S-roj A. Marti & Lopez, K. — *Marseille :* S-ro Mathonnet, K. — *Pirdop :* Fino M. Canova, V. — *Thun :* Fino Ullmann, V. ; S-ro Kunz, K. — *Tilsit :* S-no Mertias, J. ; S-ro B. Klietz, K. — *Trieste :* S-ro É. Polonio, I, K. ; Fino Semeniz, V.

Fako IVa : ESPERANTO-OFICEJOJ

*Afiŝejo.*

La zorgantoj de la Esp. Of. bonvolu ĉiam klopodi, ke la enhavo de la afiŝejo estu *ofte* ŝanĝata, tiel ke la preterpasantoj ofte haltu antaŭ ĝi. Oni elmetu sur ĝi ne nur avizojn pri lokaj aferoj, sed ankaŭ informojn pri U. E. A. kaj ĝiaj servoj (en nacia lingvo), la prospektojn sendotajn de nia reklama subako kaj, laŭ loke, artikolojn el nia gazeto, kiel en la depeŝbcaloj de la jurnaloj, tiel ke la scivolo de la publiko estu allogata.

*Novaj Esperanto-Oficejoj.*

*Burgos :* Mereado 1, 2. — *Gouda :* Sro Swartsenbrug, Kleiweg. — *Thun :* Librejo. — *Tilsit :* Librejo A. Richter.

Fako Va : TURISMO

*Esperantiaj hoteloj.*

Laŭ la klarigoj liveritaj en nia *Oficiala Bulteno,* niaj Del. estas petataj fari klopodojn por ke en ĉiu loko iom grava kaj ŭzitata de la frenduloj eksistu *Esperantia hotelo,* t. e. pension-hotelo, duaranga, kiu estos aliĝinta al U. E. A. kiel Esperantia entrepreno kaj ĉe kiu unu persono povos paroli per la oficialà lingvo de U. E. A. La nomoj de tiuj hoteloj estos publikigataj ĉi tie, laŭ la ricevo de la respondoj ; ili ankaŭ aperos kun iliaj prezoj sur nia Oficiala Jarlibro, kiu estos senpage sendata al ĉiu hotelo kun propagandilo pri U. E. A. por la salontablo.

Ĉiu facile komprenos la graveeon de tiu internacia unua oje farita klopodo kaj ni tre esperas, ke niaj Del. & Subdel., kun la helpo de la loka grupo de sia urbo, bonvolos plej baldaŭ ĝin plenumi. Ni konsilas ĝin fari nur en la urboj, kiuj pro sia situacio estas sufiĉe ofte trapasataj de eksterlandanoj aŭ en la lokoj speciale atentindaj el turisma vidpunkto (1). Oni zorgu, ke estu nur *unu* Esperantia hotelo (escepté se la urbo estas tre granda kaj tre vizitata), ĉar nia nombro ne estas nun sufiĉe granda por pluraj hoteloj en sama urbo povu ricevi profiton el Esp. klientaro.

*Gvidfolioj de U. E. A.*

Jam multaj lokaj grupoj favore akceptis nian proponon pri eldono de gvidfolio. Specimeno de tia gvidfolio estas nun en presado kaj estos sendata al ĉiuj Del. & Subdel, kiel modelo por ilia teksto. La manuskriptojn kaj en tute ĉiujn informpetojn oni bonvolu adresi al nia subfakestro : Sro Cazeaux, 77, rue Lachassaigne, Bordeaux. Ni treege esperas, ke dank'al la praktika sistemo alprenita, ĉiuj Esperantiaj lokoj havos sian gvidfolion. Precipe por la vojaĝoj al la kongresurbo, tiaj iloj estos utilegaj.

Fako VIa : KOMERCO & INDUSTRIO

*Esperantiaj entreprenoj.*

Kelkaj personoj ankoraŭ petis informojn pri la preciza signifo de la esprimo *Esperantia entrepreno.* Ni ripetas, ke estas nomata Esperantia entrepreno ĉiu firmo, kontoro, societo, gazeto, institucio, k. c. kiu aliĝos al U. E. A. kaj pagos kotizaĵon da 2 ₷ por ricevi la specialajn servojn priskribitajn en nia lasta No (Liverado de informoj, enketoj, disdonado de reklamiloj, perado por reklamo kejdungado, juraj informoj). Por aliĝi tiuj entrepreprenoj devas subskribiĝi de iu reprezentanto Esperante redaktitan aliĝilon. riceveblan de niaj Del. & Subdel.

Ni esperas, ke aliĝos ne nur komercaj firmoj, sed ankaŭ *fakaj societoj, gazetoj, institucioj,* al kiuj povas utili niaj servoj, speciale por diskonigado. La nomoj de tiuj Esp. entreprenoj estos publikigataj ĉi tie kaj aperos en nia Jarlibro.

*Reklamo.*

Ĉiuj Esperantiaj entreprenoj rajtas uzi tiun subfakon por disdonigi eksterlanden siajn reklamilojn, prospektojn, k. c. Ilin estu sendataj al Sro Ch. Schniewer, Moresnet-Neutre, kiu ilin dissendos al la Del. & Subdel., kiuj promesis ilin disdoni kaj dismontri. Tiu subfako jam ricevis plurajn proponojn pri tio.

Ni tre petas niajn Del. & Subdel., ke laŭ ilia promeso ili bonvolu zorge *disdoni* kaj *diskonigi* al la Esp-istoj de sia loko ĉiujn presaĵojn, kies kovrila pakaĵo estas stampata de la reklama subfako.

*Bologna ekspozicio.*

Ni tre atentigas niajn komercajn konsulojn pri la graveco de tiu entrepreno ; ĉiuj el ili ricevis artikoleton nacilingve presotan en la gazetojn de sia regiono. Ili *nepre* sendu 2 ekz. de ĉiu gazeto al la komitatano de fako komerco. Tiuj gazetoj estos elmontrataj en la ekspozicio kaj al la organziantaro pruvos la nunan disvastiĝon de U. E. A. Nia reprezentanto, Sro Tellini, 12, Casella Postale, Bologna, liveros ĉiujn informojn al ia personoj, kiuj deziras elmontri siajn produktaĵojn.

(1) Tiu klopodo estas nepre rekomendata en la urboj, kiuj sidas sur la vojo al la praksima kongreso.

# ESPERANTIAJ INFORMOJ

*Grava Avizo.* — Tiuj informoj estu redaktataj *mallonge* kaj precize ; oni sendu ilin alni nepre antaŭ la 7a kaj 22a de ĉiu monato. Ni ĉefe petas deniaj Del. kaj Subdel, informojn pri lo stato de U. E. A. en ilia regiono, la praktikaj aplikaĵoj faritaj per ili kaj lokaj okazantaĵoj prezentantaj ĝeneralan intereson, laŭ la vidpunkto de U. E. A. En la fino deĉiu jaro nia gazeto difinos *premiojn* por la aŭtoroj de la plej interesaj kaj oftaj komunikoj.

∴

**Abbeville** (Franc.). — En tiu loko la grupo, fondita post parolado de S-ro Privat, aliĝis tute al U. E. A. ; ĝi jam kalkulas ĉirkaŭ 90 Esperantianojn. Jen ekzemplo imitinda de aliaj lokaj grupoj.

**Bad Godesberg** (German.).— Ni atentigas niajn samasocianojn pri la konkurso kun monpremio prouita de la grupo de tiu loko, kiŭ jam pruvis sian intereson al la aplikoj de Esperanto por turismo eldonante bonegan gvidfolion ilustritan. (Pri la konkurso mem vidu la specialan artikolon en la proksima No).

**Berlino** (German.). — Dank'al la klopodoj de nia Delegito, la konsularo de U. E. A. estis starigita en tiu gravega urbo, kie nia afero bone prosperas. Ni esperu, ke la konkreteco de la diversaj servoj de U. E. A. forte enradikiĝos nian Asocion en tiu regiono.

**Bilbao** (Hispan.). — Per la klopodoj de S-ro Alvares, Del., nia Asocio jam kalkulas multajn amikojn en tiu regiono, kie Esperantisma movado pli kaj pli kreskas. Dank'al la Barcelona kongreso la ĉitiea movado estas certe plej fruktodona dum 1909. Dum 1912, okazos en Bilbao granda ekspozicio, kiun oni ekorganizas ; ĝi estos sendube belega elmontro pri la graveco. de tiu regiono, pro ĝia industrio kaj ĝia tutmonda graveco. Baldaŭ funkcios provizora komitato, kiu plej akurate komencos la organizan laboron.

**Bologna** (Ital.).— Dank'al la iniciato de nia sindona subdelegito, S-ro Tellini, la organizantaro de la Internacia Ekspozicio de Arto, higieno, laboro, akceptis Esperanton kiel oficialan lingvon por siaj rilatoj kun eksterlanduloj kaj fariĝis *Esperantia entrepreno.* Pri tiu grava decido ni parolas aliloko. Gvidfolio de Bolonjo estos eldonata, Ni tre esperas, ke tiu decido akcelos la disvastiĝon de Esperanto kaj U. E. A. en la italaj regionoj, tiel gravaj el la turisma kaj komerca vidpunkto.

**Davos** (Svis.). — Tre favora al la diskonigo de nia afero estas tii loko, kie vintrorestradas multegaj fremduloj el ĉiaj regionoj. Nia Delegitino tre vigle laboras por U. E. A. kaj jam atingis ŝatindajn rezultatojn. La «Davoser Zeitung» presigis artikolon pri U. E. A. verkitan de nia Berlina Delegito, S-ro Marchand ; la kursoj por la studo de la lingvo de U. E. A. estis multe vizitataj. Fine de januaro, okazis en Davos gravaj iuternaciaj kon kursoj de glitveturado kaj aliaj manifestadoj de vintraj sportoj.

**Kiew** (Rus.). La Delegito S-ro Ŝepe, ankaŭ prizorgas la Esp. Oficejon, kie Esperantianoj povas regule aĉeti Esperantaĵojn kaj speciale la oficialan organon de U. E. A. Grupoj fondiĝis en la Instituto Politeknika kaj en Instituto komerca kaj sendube de ili rezultos bonaj Esperantistoj kaj... Esperantianoj.

**Le Mans** (Franc.). En tiu urbo, famigita per la aerflugaj eksperimentoj de W. Wright, nia kunlaboranto S-ro Privat paroladis pri Esperanto kaj U. E. A. kun sia kutima sukceso. La Delegito estos de nun S-ro Aubin ; jam aliĝis 20 Esperantianoj.

**London** (Brit.).— S-ro Kaliski, ankaŭe Subdeligito, por St-George in-the-Eest, nun Delegito, komencis energian agadon por U. E. A. Li jam varbis grandan nombron de membroj, pretigis artikolojn pri U. E. A. en Londonaj gazetoj, starigas nun Esp. Oficejojn en diversaj kvartaloj, k. c. Niajn gratulojn al la sindona samasociano. En Londono, krom Del. Vicdel., kaj konsuloj, U. E. A. havas jam 7 Suldel. an la ĉefaj kvartaloj de la urbego.

**Moskvo** (Rus.). — La ferveraj klopodoj de nia Del., S-ro Fzabruniewiez, havis bonan rezultaton : preskaŭ ceut Esperantiauoj ekzistas en tiu ĉefgrava urbo. En moskva universitato estis fondita studenta grupo, kiu havas jam 130 membrojn ; tiel same en moskva Stroganova Art-Industria Larnejo, Esp. havas multajn varmajn amikojn ; elirados manskribita jurnalo por gelernantoj. Oni invitas ĉiujn alilandajn kolegojn de art-ind. aliĝi per korespondado por unuiĝo de nia art-ind-junularo. (Sin turni S-ro Tchapkine, Stroganovskaje Utchil, Rojdesvenka). — En *Serpuhov,* gub. de Moskvo, nia Subdel, S-ro Pafomov, fondis grupon, kies kelkaj membraj jam aliĝis al U. E, A.

**Samos** (Turk.). La letero de U. E. A. al la lernejaj direktoroj estis greken tradukiita de la tiea Del., S-ro D-ro Ŝtamadiadis, kaj havis bonegan rezultaton. F-ino Maria Kairon direktorino de la dommastrina lernejo de junulinoj, kun granda plezuro, akceptis la enkondukon de Esp. kiel regula leciono, kaj jam la lecionoj komencis tre prospere (kursgvidanto D-ro A. Stamadiadis). Poste, laŭ la sama letero de U. E. A.. Siro A. Spiridis, direktoro de la «komerca lenerjo de Samos» akceptis la enkondnkon de Esperanto. La malferman kurson faris sukcese la prez. de S. E. S. kaj Del. U. E. A.; 48 lernantoj ĉeestis kaj la lerneja instruistaro forte aplaŭdis la pareladinton, kiu konigis Esp. kaj U. E. A. La bonega direktoro organizis du kursojn, gvidatajn de S-ro F. Berriat, U. E. A.-Konsulo por junuloj, kaj F. Sinefias. Ni aplaŭdas al tiuj bonegaj rezultatoj kaj esperas, ke tiuj ekzemploj estos imitataj de niaj Del.

**San Sebastian** (Hispan). — La Del. de tiu urbo, kie estas multaj Esp-ianoj, informasnin, ke la baldaŭaj karnavalaj festoj estas bonega okazo por viziti la lokon kaj konatiĝi kun ĝiaj specialaĵoj. La Del. plezure invitas Esp-ianojn. Dum februaro, marto kaj aprilo, ĉiutage du koncertoj ĉe la granda kazinoj, dancoj, infanaj festoj, noktofestoj. En aliaj lokoj de l'Urbo ; glava festo, taŭraj mortkuradoj, pafkonkurso kolomba ; internacia maĉo de futbalo, diabolo, ŝipkuradoj vele, bicikletkuradoj naciaj kaj internaciaj. Inter la ciklistoj estas kelkaj Espistoj.

**Tiflis** (Kaŭkaz). — La 2 Jan., D-ro Andreo Fiŝer, Del., faris en la ĉitiea Politika klubo paroladon pri Esperanto kaj pri U. E. A. La multenombra ĉeestantaro kun granda intereso aŭskultis kaj tre aplaŭdis la paroladon. Multaj novaj aliĝoj estas promesitaj. En Tiflis jam ekzistas ŝatinda nombro de Esp-ianoj.

**Trieste** (Aŭstr.). — De la tempo kiam U. E. A. havas subdelegiton en tiu urbo, la movado plej rapide kreskis. Esperanto-kurso finiĝis kun granda sukceso ; 50 lernantoj, el kiuj pli ol 25 aliĝis al U. E. A. S-ro Musizza estas balotita Del. S-ro D-ro Ghej Vicdel., S-ro Polinio, kons. por informoj, F-ino Semeniz kons. por virinoj ; la Esp. Of. vendis pli ol cent lernolibrojn. Ni ĝojas pri la progresoj de U. E. A. en tiu grava komerca haveno.

**Troyes.** — La 13 de Januaro, okazis, antaŭ grandega ĉeestantaro, ĉe la urbodomo, *Esperanta* parolado de S-ro E. Backeuser, nia samasociano el Rio-de-Janeiro pri *Brazilio.* S-ro F. Doré, Vicdel, de U. E. A. en Troyes, prezentis la paroladiston kaj atentigis pri tiu grava fakto, ke S-ro Backeuser, kiu dum tri jaroj lernis franclingvon, nun ne povus publike paroladi per tiu lingvo, dum post kelkmonata studo li publike povas paroli Esperante antaŭ homoj de kiu ajn nacieco. Poste okazis serio de belegaj lumbildoj pri la ĉefaj vidindaĵoj de Brazilio, monumentoj, kulturkampoj, pejzaĝoj, k. c. S-ro Backeuser parolis Esperante kaj S-ro Doré tradukis francen liajn klazigojn. La ĉeestantaro ricevis grandan impreson el tiu parolado, kiu en Parizo jam elvokis similan sukceson. La iniciato de niaj Troyes'aj samideanoj estas tute gratulinda. Multiĝu tiuj similaj ekzemploj, kiuj la praktikecon de Esperanto pli forte pruvas, ol longa parolado pri la internacilingva problemo.

**Varsovio** (Pol.). — Dank'al la diligentaj klopodoj de niaj sindonaj Del. S-ro D-ro Robin kaj S-ino Roszkowska, U. E. A. jam de kelkaj monatoj kalkulas multajn amikojn. S-ro D-ro Robin faris ĉe la monata kunveno de la Pola Esp. Societo sukcesan paroladon pri U. E. A., el kiu sekvis multaj novaj aliĝoj. Plie, nia Del. klopodis por trovi en kiel eble plej multaj lokoj de Polujo Subdel. Niajn sincerajn dankojn pro lia agado. En Varsovio mem, fondiĝis komerc-Industria sekcio por diskonigo de Esp. ĉe la lokaj komercistoj kaj de Pola komerc-industrio per Esperanto. Imitinda ekzempto.

## MONDONACADO

POR LA

### SUFERANTOJ DE SICILIO KAJ KALABRIO

*Ia LISTO*

*(je la 24a de Januaro)*

| | |
|---|---|
| Esperantistoj en Rotterdam. . . . ₷ | 10.00 |
| Esperantistoj en Nordhausen . . . | 4.90 |
| S-ro Stevanini en Verona . . . . | 2.00 |
| Esp. Societo en Bromberg . . . . | 12.00 |
| S-ro Bresson en Bastia . . . . | 8.00 |
| Grupo Esp. en Le Creusot . . . . | 26.70 |
| — en Beaune . . . . | 9.00 |
| Esperantistoj en Praha (kol. Hradil). | 5.60 |
| Firenza Esperantistaro . . . . | 48.00 |
| F-ino Wolf, Grossenhain. . . . | 5.00 |
| Esperantistoj en Bradford . . . | 35.75 |
| Esperantistoj en Kettering . . . | 70.00 |
| *Sumo.* . . ₷ | 239.95 |

La detalaj nomoj de la donacintoj aperos en nia proksima N°. Ni petas ĉiujn Del. kaj Subdel., ke ili bonvolu tuj sendi al ESPERANTIO, place de la Halle, *Beaune* (Côte-d'Or, Francujo), financa fako, la ricevitajn sumojn, kies detalo estos konigata en nia proksima N°. Nia Del. en Palermo enketas, ĉu Esperantistoj estas inter la posvivantoj de la katastroto; tiuokaze, parto de la ricevitaj kaj ricevotaj sumoj estus dediĉataj al ili, se ne, la produkto de la mondonacado estos transsendata al la Internacia Ruĝa Kruco. La Mondonacado estos finita je la *15ª de Februaro*. Oni do rapidu.

ESPERANTO.

## ESPERANTIAJ ENTREPRENOJ

### Internacia Ekspozicio de Arto, laboro, nutrado kaj higieno

en Bolonjo (Italujo) Marto-Aprilo 1909

La subskribinto subdelegito de U. E. A. en Bolonjo sukcesis akceptigi de l'Estraro de ĉitiu ekspozicio Esperanton por interrilatoj kun eksterlandaj ekspozantoj, kaj aldonis inter la ekspozajoj la 7ªn kategorion : *Helplingvo Esperanto*. Dank'al tiu kategorio povos esti ekspozantoj, ĉu la apartaj samideanoj, ĉu la propagandaj aŭ fakaj societoj. La programo estis dissendita, fine de 1908, al ĉiuj Delegitoj, subdelegitoj, oficejoj, gazetoj, grupoj, k. t. p. La samlingvanoj, kiuj ĝin ne konas, povos peti ekzempleron al la subskribinto, kiu plezure liveros ĉiujn informojn.

Ni atentigos ĉiujn pri la graveco de tiu entrepreno. La societoj havas taŭgan okazon por ekspozi siajn eldonaĵojn kaj prezenti sur geografiaj kartoj la staton de nia movado kaj sur tabeloj la ĉiam kreskantan pligraviĝon de nia afero. Por pruvi ke Esperanto estas io atentinda, ĉiuj personoj, kiuj havas konatojn en la komercistaro devas ilin instigi partopreni ĉi tiun vere internacian konkurson. Multaj vere estas la personoj, kiuj havas deziron kaj utilon gajni premion aŭ rekompencon por siaj produktaĵoj.

Nun malmultaj vortoj pri Bolonjo; ĝi estas la ĉefurbo de Emilia regiono kaj enhavas 160,000 loĝantojn. Gia etruska nomo estis *Telsina*, En jaro 561ª, ĝi farigis kolonio de Romo kun la nomo *Bononia*. Ĝi enhavas la plej antikvan universitaton de la tuta terglobo kaj inter la italaj urboj estas konata per la epiteto « la Klera ». Inter la monumentoj plej notindaj ni rimarkas la du inklinatajn turojn « Garisendi » kaj « Asinelli » (XIIª jare), la Baziliskojn de S. Petranio (1390), S. Dominiko (XIIª), S. Stefano, la urbdomon, la Pinakotekon, k. t. p. Bolonjo sidas en la centro de Italujo, precipe rilate al la fervoja retaro. La staciodomo estas la precipa de Italujo, kiu ajn persono el nórda aŭ N. Ok de Eŭropo veturas al Firenzo, Romo Palermo, devas trairi Bolonjon kaj ĝenerale haltas ĉi tie por viziti ĝiajn rimarkindaĵojn. Kiu el norda kaj centra Europo veturas al Oriento kaj al Indio devas trairi Bolonjon por enŝipiĝi en Brindisi. Fine, kiu venante el Ameriko, Britujo, Francujo, Hispanujo, jam vizitis Genovon' Firenzon, Romon, Napolon, kaj ne volas forlasi Italujon, ne vizitinte Venezion aŭ Milanon, devas trairi Bolonjon. Printempe la eksterlandanoj, kiuj vizitas Italujon, estas tre multaj, aprile, reveturos al la nordaj regionoj tiuj, kiuj pasigis vintron en centra kaj suda Italujo

La daŭro de la ekspozicio (2 *monatoj* kompare kun la *semajno* de la ĝisnunaj Esp. ekspozoj) kaj la espero ricevi premion devas kompensi, ni opinias, la elspezon por la enskribo, kiu estas egala al tiu de aliaj similaj entreprenoj.

*A. Tellini* SD. Bolonjo.

Al la grava informo de nia sindonema subdelegito ni povos aldoni ke tre verŝajne, nia asocio prenos sur sin la organizadon de la Esperanta parto de la dirita ekspozicio; ĝi elmontras la diversajn praktikajn aplikaĵojn de Esperanto (Komercaj reklamoj, prospektoj, k. t.), geografian karton de Esperantio disdonigos propagandilojn, por konigi al la vizitantoj la praktikajn flankojn de nia organizaĵo kaj, sub ĝiaj aŭspicioj estos starigata kontoro por vendado de lerniloj. Tiamaniere ĝi esperas akceli la progresojn de Esperanto en la norditalaj regionoj tiel gravaj el la komerca kaj turisma vidpunkto.

Plie, kiel oni povos legi el la oficiala informilo de U. E. A., nia asocio klopodas por disdoni, al la nomitan ekspozicion, kiu fariĝis Esperantia entrepreno. La komerca kaj industria fako sendis al ĉiuj niaj konsuloj por komerco komunikon, por ke ili kiel eble plej konigu tiun elmontradon, la unuan kiu akceptis Esperanton, precipe per la lokaj gazetoj.

Efektive. se malmultaj estas ankoraŭ la *Esperantistoj* komercistoj, multegaj estas la komercistoj, kiuj uzus tiun informon kaj per niaj konsuloj partoprenus en la aludita ekspozicio; ni do treege petas, ke ĉiuj kiel eble plej diskonigu tiun fakton kaj varbu ekspozontojn (Esperantistajn aŭ ne) tiel ke la organizantaro per la fakto konvinkiĝu pri la praktika utileco de U. E. A., fakto, kiu povas havi gravajn konsekvencojn. Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro Tellini, subdelegito de U. E. A., 12 casella postale, *Bolonjo* (Italio), *kiel eble plej rapide*. La ekspozicio estas dividata laŭ 7 kategorioj, nome : Diversaj industrioj; higieno; antaŭzorgo, Esperanto. Por pluaj informoj oni konsultu la Esperantan programon.

## 1ª LISTO de ESPERANTIANOJ

Membroj kiuj aliĝis kaj repagis por 1909 (1)

ALICANTE. (46.733). — D. *S-ro M. de Elizaicin*; M. Golf Ramos; J.-R. Ortiz; R. Gontreras; F-ino E. Gaspar Polo; F-ino J. Adamur; A. Valasco; M. Serrano; C. Barona.

TIFLIS. — (47-9) *D. S-ro Fiŝer*. — 29. M. Ivanov; 3o. L. Svrzinski; 31. A. Avetisor; 32. N. Kelarev.

SVJATOŜIN (47-711). — *SD. S-ro Kondratjev*. — A. Kryniewiecki; F-ino S. Sjininskaya.

BUENOS-AIRES. (82.11.1). — *D. G. Muinos*.

LE MANS. (44.17.1). — 1. *D. S-ro A. Autin*; 2. F-ino V. Bajard; 3. F-ino E. Bamas; 4. F-ino S. Benoit; 5. Chaignon; 6. S-ino Chaunier; 7. F-ino Colombani; 8. S-ino Debuay; 9. Flogny; 10. Hutuel; 11. S-ino Launay; 12. F-ino M. Levolleur; 13. Lebatteux; 14. S-ro Legrand; 15. S-ro Lepeltier. — 16. F-ino J. Lhuissier; 17. E. Lhuissier; 18. Monnoyer; 19. Neuville; 20. Plot; 21. Agis.

SERPUĤOV. (47.51.1). — 1 *SD. S-ro Pafomov*, 2. P. Barlara; 3. V. Bekker; 4. J. Ledner; 5. N. Nikolski; 6. V. Nikolski; 7. J. Panov; 8. N. Antikw; 9. Jablakov; 10. B. Ulitus; 11. N. Satams; 12. J. Langas.

VARSOVIO. (47.51.II). — *S. S-ino E. Rosskowska*; 1. A. Ossowski; 2. J. Muszynski; 3. S. Szizytorski; 4. I. Goszczynskii; 5. F-ino V. Maleziena; 6. F-ino J. Kaminska; 7. W. Goldberg; 8. Wojciechowski; 9. S-ino I. Baumgarter; 10. A. Zambrryeki; 11. D. Ienenbaum; 12. A. Kenig; 13. S. Dmochowski; 14. R. Fogel; 15. A. Makowska; 16. F-ino G. Nalțaja; 17. J. Korcowski.

GRENOBLE (44-99-2). — *SD. A. Ploussu*; 1. F. Roy; 2. S-ino A. Michel; 3. H. Sentis; 4. P.-E. Matton; 5. A. Belle; 6. M. Besson; 7. S-ino T. Roy; 8. F-ino M. Roffin; 9. F-ino M. Piloix; 10. E.-R. Bonnat; 11. E. Bruyat; 12. G. Michel.

DRESDEN. (43.21.1). — 1. *SD. S-ro M. Tessner*; 2. J. Glaser; 3. Dinger; 4. W. Schlag;

GOOLE (42.74). — 1. *D.-S. Larker*; 2. F-ino Bickell; 3. S-ino Parker.

METZ (43.45). — *SD. S-ro Hœn*; 3. S. Gastorowski; 4. W. Juncher; 5. O. Hartmann; 6. P. Reiffurscheid.

AVIGNON. (44.92). — 1 *D S-ro P. Champion*; 2. de Casteljan; 3. F. Chaine; 4. C. Chatelet; 5. A. de Chavanon; 6. A. Rousset; 7. C. Dailhe.

TILSIT (431.121). — *D. S-ro M. Cahanowitz*; 1. O. Zippert; 2. R. Kurne; 3. M. Selba; 4. F-ino A. Gleinig; 5. D. Zimmermann; 6. B. Ktietz; 7. H. Graniberg; 8. F-ino J. Mertins; 9. F-ino G. Hurwitz; 10. A. Baumann.

ABBEVILLE (44.262). — *D. S-ro Roger*; 1. D-ro Neullier; 2. Duclerc; 3. Ledien; 4. F-ino Lantoine; 5. Chardelle; 6. A. Cufay; 7. E. Cufay; 8. Mad. Delouppe; 9. Mar. Delouppe; 10. Denzler; 11. Dufosse; 12. Halot; 13. J. Hocquet; 14. L. Hocquet; 15. Lagache; 16. G. Neau; 17. Th. Nean; 18. Neullies; 19. Piat; 20. S-ino Bonrrart; 21. Denzler; 22. Hocquet; 23. Quenot; 24. S-ro Batut; 25. Brehion; 26. Ceccaldi; 27. Cufay; 28. Daumale; 29. Dekyndt; 3o. Duquesne; 31. Freville; 32. Abato Laignel; 33. Macquerou; 34. Quenot; 35. Sueur; 36. Vagnon; 37. Davergne; 38. Waquette; 39. Magnier; 40. S-ino Dubois; 41. F-ino Dubois; 42. Guyot; 43. S-ro Racine; 44. F-ino Marcassin; 45. S-ro Liart; 46. Dufour; 47. F-ino Dufour; 48. S-ro Mory; 49. Foubert; 50. F-ino Lévy; 51. S-ro Combet; 52. Mabille; 53. Castelain; 54. Leroy; 55. Bouzain; 56. Joulaud; 57. Mariage; 58. Caron; 59. Grato de Butler; 60. H. Guerillot; 61. F. Guerillot; 62. Lengaigne; 63. S-ino Lengaigne; 64. F-ino Damonneville; 65. Poultier; 66. S-ro Trancart 67; F-ino Diot; 68. Le Siegle; 69. S-ro Wagener; 70. Roger; 71. Leblond; 72. Leroy; 73. Grosjean; 74. F-ino Berteau; 75. France; 76. S-ro Voclin; 77. Hucher; 78. Langlois; 79. Pie; 80. S-ino Sevin; 81. S-ro Fluyt; 82. F-ino Vaillant; 83. S-ro Leroy; 84. Duclercq; 85. Patin; 86. S-ino Dumont; 87. S-ro Martin; 88. D-ro Dourtez; 89. Brassard; 90. de Florival; 91. S-ino Piat; 92. F-ino Liebault; 93. S-ro Maillet; 94. Abato Larde.

Sumo por tiu listo : 207.

(1) Ni rememorigas, ke niaj Del. & Subdelegitoj devas en *la fino de ĉiu monato* sendi al ni la nomaron de la novaj membroj.



# Esperanto Movado

LA KVINA KONGRESO.

Kiel ni jam informis niajn legantojn, la Vª Esperanto-kongreso okazos en Barcelono dum 1909, de 5 ĝis 11. du Septembro. La Usona kongreso, kiu laŭ la dezirespriino de la IVª kongreso, estis okazonta saman jaron, kiel la barcelona, konsente kun niaj Usonaj samideanoj, estis prokrastita ĝis jaro 1910, tiel ke ĝi estu unika en la jaro kaj la nombro de la Eŭropanoj ne estu malgrandigita pro la okazo de kongreso en Eŭropo. Oni do de nun klopodu por esti libera de 5 ĝis II Septembro kaj ankaŭ poste. La *Loka Organiza Komitato* konsistas el : Sroj *F. Pujula y Valles*, prezidanto; *Alphonso Sabadell*, viceprezidanto; *M. Cases*, kasisto; Sino Pujula, sekretariino. Oni ankaŭ fondis specialajn subkomitatajn estrarojn kiel sekvas : Floraj Ludoj : Sroj *Geroni Vila Roca* kaj *C. Bourlet*; Loĝado : Sro *R. Claramont*; Festoj : Sro *Sales Balmes*; Propagando : Sro *Jarcinto Bremon*. La prezo de la *kongresa karto* estas la duono de la ora unuo de la lando ĉi tie 5 frankoj, t. e. 10 frankoj aŭ 10 ŝilingoj aŭ 10 markoj aŭ 10 pezetoj (1). La mendoj estu sendataj, kun mono al : Sro *F. Pujula y Valles*, *Rambla Catalunya* 89, *Barcelona*.

Laŭ decido de la organizantaro, la kongreskarto, kiu havos Noⁿ 1 estos aŭkcie liverata al la proponanto de la prej alta prezo. La posedanto de tiu karto estos publikigita la 5 aŭg. 1909 je 12 h.; la esp. gazetoj monate konigos la plej altan prezon proponitan.

La *vojaĝo* estos certe malkara. Laŭ speciala tarifo por kongresanoj, de Portbou (landolimo) ĝis Barcelono oni pagas 6 S (1ª klaso), 4 S (2ª klaso), 2.80 S (3ª klaso). Sur francaj fervojoj duona rabato. Laŭ ricevitaj informoj la vivado en Barcelono ne kostas pli ol 1 1/2 S, ĉiom enkalkulinte. Oni do povos esperi, ke multegaj estos la partoprenontoj. Ni regule informos nian legantaron pri ĉiuj tiuj detaloj.

∴ Unu el la ĉefaj allogaĵoj de la kongrestagoj estos la *Floraj ludoj*, internacia literatura festo por kiu estas difinitaj multaj premioj, ĉu monaj, ĉu artaj. La manuskriptoj estu sendataj *antaŭ la 1 Junio al la Revuo* Parizo, 79 Bd St-Germain); ĉiuj verkoj estos *originalaj*. La ĝisnunaj temoj estas jenaj . : Ordinaraj temoj : poezio pri amo, poezio pri homaro, poezio pri fido (florpremiojn); 2 specialaj Esperantistaj temoj : Raporto pri memorinda paĝo de l'historio; ĉu estas necesa la lernado kaj propagando de internacia lingvo?; novaleto pri naciaj kutimoj; aro de popolaj rakontoj; aro da dek du rakontetoj; tezo pri la societa devizo : Edukado, Mutualismo, Naciismo; originala fablo; tri broŝuretoj por propagandi Esp. por laboristaro, por mezklasa popolo, por kleruloj; prozaĵo, kiu elpruvos la emon de Esp. konservi kaj plifirmigi la naturajn lingvojn; la maro; Esp. kiel simbolo de paco kaj amo; rakonto por la infanoj; versaro pri la patrina amo; Esp. ilo internacia por propagandi la literaturajn ĉefverkojn; Barcelono, vintra restejo; bonhumora rakonto; gloro al Kolumbo; konkurso de la Revuo. En tute 180 S da premioj kaj multaj artaj objektoj, librokolektoj, k. c. La literaturistoj, versamantoj kaj prozistoj nun eklaboru. La premioj certe ne mankos Tiuj premioj estos donacataj en solena kunveno, sub la prezido de Dro Zamenhof, kiu nun difinos premion.

PROPAGANDO.

*Britujo* : En Londono la kursoj daŭras kun bona sukceso. Sukcesaj vesperfestoj okazis ĉe la diversaj kluboj. Novaj grupoj en Bolton, Limerick, Cowdenbeath, k. c.; vesperkoncertoj kaj paroladoj en Hull, Lancaster, Norwich. La grava unuiĝo de Institutoj de Lancashire kaj Cheshire enkondukos Esp. sur sian programon. — *Danujo* : Esp.-Oficejo por Danaj laboristoj fondiĝis en Kopenhago. Niaj progresoj daŭras senhalte. — *Francujo* : S-ro Privat faris sukcesan paroladaron en suda Francujo; el ĝi rezultis novaj grupoj kaj kursoj En Parizo fondiĝis Polica grupo. Multajn gazetartikolojn elvokis la tezo de S-ro Corret pri «Lingvo Internacia por medicino», kiu ricevis la maloftan notoon «tre bone» ĉe la Pariza medicina fakultato. Polemiko en «La Revue» pri la plej bona formo de lingvo internacia; batalis por Esperanto S-roj Cart, Privat, Blaise; kontraŭ, S-roj Bollack kaj Couturat. Eĥoj de tiu polemiko aperis en Parizaj gazetoj, sub la titolo : *Babela Turo*. Sinteza esprimo por resumi la rezultaton de la lingvaj diskutoj ! Tio ĉi ne malhelpis, ke multaj Esp-istoj kunvenis okaze de la aerveturada ekspozicio en Parizo por aŭdi klarigojn en Esp., je la miro de la publiko. La Jurnalo *L'Aero*, organo por la disvastigo de aerveturadaj sportoj, publikigas regulan «kronikon en Esperanto. Entute normalaj progresoj.

*Germanujo* : La grupo de Bamberg energie propagandas tra Bavarujo, En Berlino, Esp. eniris akademiajn rondojn per la fondo de sekcio ĉe la teknika Universitato, Novaj grupoj kaj kursoj en Chemnitz, Breslau, Bremen, Eiban, Elsterwerda, Erfurt, Freiberg, Hildesheim, Hœchst, Lübeck, Mindelheim, Mülheim, Feugersdorf, Pirna, Riesa, Speyer, Tübingen, Würzburg; post ĉiuj kursoj jam fondiĝis aŭ tuj fondiĝos grupoj. En Novembro, la reĝa saksa ŝtatministro donis la permeson fondi saksan Esp. Instituton, kies direktoro estas Dro Schramm; la biblioteko enhavas 1.000 volumojn. Multaj kaj altranga estas la lernantoj.

*Hispanujo* : La propagando daŭras senhalte, precipe pro la venonta kongreso. En Barcelono ne okazas malpli ol 40 Esp-kursoj. En S. Sébastian, Bilbao, Alicante, Burgos, Valencia, k. a, šatindaj progresoj.

*Portugalujo* : Ankaŭ disvastiĝas ĉitie Esp. kursoj okazas nun en Evora, Lisabono, Porto.

*Rusujo* : En Moskvo, sukcesega vesperfesto. En Polujo nun ekzistas du nur pure Esperantaj librejoj. En Polujo niaj progresoj estas senĉesaj; la Pola Societo havas nun filiojn en la ĉe'aj polaj urboj.

*Svisujo* : La Svisa Societo nun estas plene reorganizita, sub la prezido de S-ro de Saussure; ĝi kalkulas 22 agemajn grupojn, kun «Svisa Espero» kiel organo, aperanta nun en nova plibonigita formo.

*Brazilio*. — La 2ª Brazila Esp. Kongreso okazis la 15-20 Januaro en S. Paulo, sub la prezido de la urbestro. En la Nacia ekspozicio, la Brazila klubo riceris oran medalon pro sia Esp. elmontro.

*Usono* : Ekzistas nun 125 Esp. kluboj en tiu lando. Tio plej bone montras niajn progresojn.

BIBLIOGRAFIO.

*Eŭgenino Grandet* (el H. de Balzac elfrancigis Emilo Gasse. 772, Ernest Renan, Le Havre. Tre interesa traduko de la fama romanto (2) de la franca verkisto Balzac).

*Esperantista Poŝkalendaro* Mœller et Borel Berlin, S 0.40. Oportuna akompananto de la Esp. isto, jam bone konata).

*Trezoro de l'Sorĉistoj* (aro de rakontoj F. Maréchal, Esperanto-house-leedo 1/2 S).

*Versajoj en Prozo* (el Ivan Turgenev, trakabe, 0.40 S. Libreldojo Esperanto, Moskvo).

*Plena Verkaro* de V. N. Devjatnin (Libro Librejo Esperanto, Moskvo. Versaj verkoj bonega stilo.

*La leprulo de l'urbo Aosto* (el X de Maistre trad. M. de Assis Moura, S. Paolo, Brazilio).

*Pourquoi l'Esperanto* (leteroj alamiko, propaganda broŝuro de la S. f. p. E., franclingva Presa Societo, Paris. S 0.10).

(1) Kaj por *Esperantistoj*, verŝajne 5 S! Ĉu bonvolu solvi la problemon.

(2) Por distingi «Romano» de «Romano» la tradukinto uzas : romanto.



*Administranto* : L. Royer.

*Presejo* : X. Devichi, Chalon-s-S. (Franc.)

*Le Gérant :* L. ROYER.
Imprimerie X. DEVICHI, Chalon-s-S.